7a Jaro — Julio-Aûg. 1921 — 7-8 No (77-78)

BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto: FRANS SCHOOFS, 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen
Abonoj kaj Mnsendoj: FERN. MATHIEUX, 15, Avenue Bel-Air, Uccle

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laûbezone la manuskriptojn.*

# La XIIIa Universala Kongreso en Praha.

Forveturinte el Antverpeno Mardon, la 26an de Julio matene, ni alvenis en Kolonjo la saman tagon posttagmeze kaj havis la grandan ĝojon renkonti ĉe la stacidomo mian amikon kaj samideanon, L-ton Van Wanseele. Li sciigis al mi, ke li ĉion aranĝis por nia kvinhora restado en la urbo; kaj tuj li metis min, miajn gekunulojn kaj niajn pakaĵojn en aŭtomobilon kaj rapide rondveturigis nin en la urbo. Dum tia rapida veturo ni havis la okazon fari al ni sufiĉe bonan ideon pri la febreca vivo en la ĉefurbo de la Rhejnlando. Nia promenado finiĝis ĉe la loĝejo de mia amiko, kie atendis nin bongusta tagmanĝo, kiun ni honoris per nia plej bona apetito. Ni eĉ iomete perdis ideon pri la forpasanta tempo kaj estis vera miraklo, ke ni ne maltrafis nian vagonaron al Hanovro. Ni pro tio ankaŭ ŝuldas dankon al Sro Hurler, kiu hazarde renkontis nin ĉe la stacidomo.

La unua parto de nia nokta vojaĝo kondukis nin tra la industria Ruhrregiono, kie ni miris pri la tie reganta agemeco. Preskaŭ senĉese nia vagono estis lumigata per la flamantaj fornegoj, kiujn ni preterveturis, kaj kiuj ebligis al ni, vidi longajn vicojn da fumantaj fabrik-kamentuboj. La spektaklo estis impresiga.

Je la tria matene ni atingis Hanovron, kie atendis nin vagonaro al Leipzig. Ĉi tiu tamen jam estis tiel superplena je gesamideanoj holandaj, skandinavaj kaj anglaj, ke ni antaŭvidis kun teruro la eblecon de seshora starado, malgraŭ la fakto, ke kelkaj unuaklasaj lokoj restis neokupataj. La kontrolisto ne permesis al ni uzi tiujn lokojn, dirante, ke li ne povas transklasigi la vojaĝantojn,kvankam li bonkore konsentis ke ni fakte nun estis «transklasigitaj» en malpli ol kvara klaso. Administracio estas tutmonda malsano! Post kvar horoj ni feliĉe kaptis lokon, kiun ni kvarope, laŭvice okupis.

Je la 9a matene, ni alvenis en la grandioza stacidomo de Leipzig. Nia promenado kondukis nin tra la komercaj stratoj, kie la pelt-kaj ledaĵmagazenoj kaptis nian specialan atenton. Sub la bruleganta suno

ni veturis sur la senombraj vojoj al la fama monumento de la Batalo de l'Popoloj, kiu estas granda, impona sed ne inspiris al ni iun senton pri beleco, pri arto.

Posttagmeze ni daŭrigis nian vojaĝon al Dresden, kie je la alveno de nia vagonaro, tieaj esperantistoj nin tuj kaptis, kondukis nin al la polica oficejo speciale aranĝita en la staciдomo, kaj kie loĝaj kaj aliaj informoj estis donitaj. Post vizito al «Belvidejo» sur «Brühl», a Teraso (malnova fortikaĵo), kie ni ĉeestis agrablan koncerton, ni estis vere kontentaj, ĝui meritítan ripozon en nia hotelo.

Jaŭdon la 28an ni iris al la akceptejo, kie regis laboro sed ordo. Bone funkciis tie la oficejo de la Antaŭkongreso disdonanta la dokumentojn, tre favore servanta monŝanĝejo, poŝtejo kun esperantista poŝtisto, pasportejo kiun gvidis la helpema ĉefpolicisto Pohle, kaj fine la vendejon de libroj kaj esperantaĵoj de Ader kaj Borel.Tie mi eksciis ke la nombro de antaŭkongresanoj atingas 800.

Ni recevis niajn paperojn,deponis nian pasporton, kaj formis 8 grupojn por viziti la diversajn muzeojn sub konduko de dresdenaj esperantistoj. Tiele mi vizitis la «Albertinum» (galerion de skulptaĵoj) kaj la pentraĵgalerion de malnovaj majstroj. Tiu lasta precipe havigis al ni plej grandan ĝuon.

Je la 2a okazis komuna tagmanĝo en la Ekspozicia Palaco. Ĝi estis vera sukceso ĉiurilate. Belega salono, bongustaj manĝaĵoj, bona regula servo, radianto vetero kaj vera Esperantisteco inter la diversnaciaj partoprenantoj.

Je la 5a okazis prova instruado al infanoj en popol-lernejo kaj je la 6a estis oficiale malfermata la antaŭkongreso en la Festsalono de la Akceptejo, per granda publika propaganda kunveno. Parolis anoj de multaj reprezentataj nacioj,kies parolojn bedaŭrinde mi ne povis kapti, precipe pro la vera apatia stato en kiu igis min la premanta atmosfero de la salono. Dum tiu sama kunveno Sro Ledermann el Nurnberg faris propagandan paroladon en germana lingvo. Ĉeestis granda nombro da ne-esperantistoj.

Vespere ni havis ankoraŭ tre agrablan kuneston en la ĝardeno de la Ekspozicia palaco, kie koncerto okazis.

Vendredon,la 29an matene,ni kolektiĝis apud la Elbe, kie du flagornamitaj ŝipoj atendis la kongresanojn por verturado al Pillnitz. Sur la ŝipo ni tre ĝuis la interbabilojn kun diversnaciaj samideanoj, la brulantan sunon kaj la trinkaĵojn, kiujn ni cetere ne facile atingis! En Pillnitz ni vizitis la parkon de la hinstila kastelo de la iamaj reĝoj de Saksujo, kaj en kiu sin trovas nun artteksejo. Reveturante ni haltis en Blasewitz, antaŭ la «Vaporŝip-hotelo», kie la kelneroj ŝajnis atendi nin, kaj kie la tabloj pretigitaj en la ĝardeno ŝajnis deziri al ni bonan apetiton. Ĉiuj serĉis kiel eble plej freŝan lokon kaj atendis la okazintaĵojn, kiuj, bedaŭrinde ne respondis je la atendo. La kelneroj kvazaŭ timis alporti la manĝaĵojn, kiuj, laŭ tio, kion oni rakontis, estis preparitaj por la antaŭa tago. La kongresanoj sufiĉe laŭte protestis... repostulis monon, kiun ili cetere ne ricevis. Kiam oni sciis la klarigon pri la afero: malbona kompreno inter la organiza komitato kaj la hoteles-

tro, ĉiuj iom post iom trankviliĝis kaj eĉ bonkore ridis pri la aventuro.

Vespere je la 7a ni ĉeestis belegan koncerton kun prezentado de burleskaĵo unuakta «La Glavo de Damokles», en kiuj ĉiuj kunlaborintoj havis sukceson. La vespero finiĝis per internacia balo, dum kiu ni rimarkis kun ĝojo pentrindajn naciajn kostumojn holandajn, svedajn, skotajn, bavarajn, k.t.p. Ĉu la dancintoj sin amuzis? Pri tio respondas simple la fakto ke la balo finiĝis je la 2a matene.

La sekvantan tagon ni pretigis nin por veturi per speciala vagonaro al la urbo de la 13a, al Praha. La lastaj kongresanoj prizorgis en la akceptejo ŝanĝon de mono, forsendis siajn lastajn poŝtaĵojn en Dresdeno kaj reprenis sian deponitan pasporton. Dum tiu lasta faro ni havis la okazon sperti ke tiu kiu agis laŭ la informoj de la komitato: « antaŭe peti restadpermeson de la ĉefpolicejo » devis pagi Mk 210.—; kaj tiu, kiu tutsimple nenion petis, nur Mk 10.—. Vere, neniel kuraĝige! Konfesinde estis tamen la fakto, ke la malfeliĉaj obeintoj trovis en tiu afero grandan helpemon de la loka deĵoranta policano esperantista, kiu klopodis kiel eble plej, sed parte vane, por reordigi ĉion.

Adiaŭataj de la lokaj Esperantistoj ni proksimume 800-ope forlasis la urbon de la 4a je la tagmezo, kaj faris ĝuplenan vojaĝon tra la belega Saksa Svisujo. En la landlima stacio Tetschen Bodenbach tieaj samideanoj ĝentile helpis nin ĉe la kontrolado de la pasportoj kaj pakaĵoj. Ĉi tie ni notu la koran akcepton, kiun rezervis la geesperantistoj al la fama «Pilsena» biero, kiun oni sur la perono verŝis al ili en grandaj sed ne multekostaj glasoj. Post unuhora halto ni daŭrigis la veturadon tra Ĉeĥoslovaka lando por alveni posttagmeze, proksimume je la 6a, en Praha.

La alveno de nia speciala vagonaro estis malfeliĉaĵo por la deĵorantoj en la provizora akceptejo organizita en stacidoma ĉambro.

Imagu al vi 800 personojn, kun siaj pakaĵoj, kaj kiuj atendas la okazon par pasi, laŭvice, en la akceptejon, kie ĉiu devis ricevi siajn dokumentojn kaj loĝkarton. Se mi povas fari malgrandan rimarkon, estus, ke per aranĝo aparta de tiuj du servoj en unu salono, oni, kaŭzis grandan malordon kaj perdigis multe da tempo al ambaŭ oficistaro kaj kongresanoj. Ŝajnas al mi tamen pli praktike, lokigi la loĝan servon en speciala ĉambro. Alia manketo estis, laŭ mi, ke la kongresanoj ne antaŭe sciis la adreson de sia hotelo. Nu, samideano post samideano traboris la akceptejon kaj eniris en la belan historian ĉefurbon de la juna Ĉeĥoslovaka Ŝtato. Oni sciigis al ni, ke mendis kongreskarton proksimume 2550 personoj el 35 landoj, reprezentantaj pli ol 40 naciojn aŭ lingvojn.

Ĉiuj alvenintaj kongresanoj kolektiĝis vespere en la salonoj kaj ĝardenoj de la Kazino sur insulo Zofin en la rivero Moldava. Tie estis aranĝita la Oficiala Akceptejo, kie funkciis monŝanĝejo, poŝtejo, telegrafejo, vendejoj de libroj kaj esperantaĵoj, k. c. Ni aŭdis koncerton en la ĝardeno kaj, rekondukataj de juna samideano el Praha, ni atingis nian hotelon proksiman de la Reprezanta Domo kaj Pulva Turo.

Dimanĉon matene kunvenis la Konstanta Kongresa Komitato kaj la Lingva Komitato. Ni profitis tiun okazon por entrepreni vagadon tra la urbo, kiu havas vere specialan karakteron. Ni vizitis kelkajn artplenajn preĝejojn, kiuj prezentas malofte videblan lukson, la faman hebrean tombejon, la monumentriĉan ponton de Karolo, kaj aliajn monumentojn, kiuj ne mankas en tiu urbo. Oni havas la impreson, ke dum la historio, la artkulturado estas tie ĉi unu el la plej zorge flegitaj fakoj.

Je la 3a okazis la malpacience atendita solena malferma kunsido de la XIIIa en la belega «Smetana» Festsalono de Reprezenta Domo, ĉe kies fasado gaje flirtis Esperanto-flagoj.

Tiu, kiu ĉeestis unu el niaj grandaj antaŭmilitaj kongresoj, povas imagi la gravecon de iliaj solenaj kunsidoj. Mi tamen ne timas diri, ke ili ne povas fari al si precizan bildon pri la aspekto, pri la imponeco de la halo en kiu, interpremiĝis pli ol 2000 diversnaciaj samideanoj, kiam ekvibris la gravaj sonoj de orgeno, ludanta nian himnon, kante akompanatan de ĉiuj ĉeestantoj, dum kio ŝvebis en la aero la spiriton de Zamenhof, ornamitan de multnombraj pro emocio elŝprucintaj larmoj. Nia interna ideo festis! Ni faris en konsento unu grandan rondon familian. Mi neniam forgesos tiujn momentojn.

Sro Isbrücker, kiu prezidis la 12an universalan Kongreson en la Hago, malfermis la Kongreson. Li memoris pri la morto de la unua apostolo por Esperanto, inĝ. Antoni Grabowsky fama poeto kaj Akademiano. La ĉeestantoj leviĝis de siaj seĝoj kaj silente honoris la memoron de la falinta pioniro.

Oni elektas: honoran prezidantojn: generalo Sebert, Ĉehoslovaka ministro Dro Ŝusta kaj vicurbestro de Praha Inĝ. Rotnagel, Prezidanton: Prof. Dro Kamaryt; vicprezidantojn : Sroj Warden, Dro Arnhold, Sekretariojn: Sro A. Pitlik, S-ino Cense, F-ino Ŝupichova.

Dro Kamaryt dankas, legas salutleteron de generalo Sebert prezidanto de K.K.K., kies malsano malhelpas al li veni al Praha. La kongreso decidis sendi al li saluttelegramon. La prezidanto havas por ĉeestanta S-ino Klara Zamenhof, vidvino de nia plorata majstro, honorajn bonvenajn vortojn, kiujn la ĉeestantaro varmege aplaŭdas. Li ankaŭ alparolas la ministron, la vicurbestron kaj salutas la oficialajn delegitojn de la registaroj.

Oficiala reprezentanto de ĉsl. registaro, ministro de instruado Dro Ŝusta asertas, ke ĉsl. registaro alte ŝatas, ke kongreso okazas en renoviĝinta ĉsl. ŝtato kaj en malnova urbo Praha. Li opinias, ke estonto montros, ĉu genie konstruita lingvo anstataŭos historiajn lingvojn en rilatoj internaciaj t. e. kiel superregos spirito de racionalismo (lundaj ĵurnaloj erare skribas nacionalismo) spiriton de tradicionalismo. Ĉiuokaze esperantista movado estas rimarkinda, ĉar plej grava problemo de homaro estas serĉi daŭran bazon de paco kaj por tio esp. movado povas esti komponento treege grava. El ĉeha nacio, kiu de ĉiam laboris por idealo de paco, devenis ankaŭ granda pioniro de artefarita lingvo Jan Amos Komensky. Li deziras sukceson al kongreso kaj antaŭdiras grandegan resonon de ĝi en ĉsl. ŝtato (aplaŭdo).

Vicurbestro de Praha inĝ. Rotnagel prezentis tre varmajn kaj beleg-

ajn parolojn (domaĝe ke oni ne povis traduki ilin laŭvorte) pri paca kaj libereca idealo de ĉsl. nacio, kiun idealon reprezentas ĉiuj ĉsl. granduloj Hus, Komensky, Palacky, Havlíček, Rieger, Masaryk k. a. kiuj ĉiuj celis sole humanecon kaj fratecon de homaro postulante liberon ne sole por sia nacio, sed por ĉiuj. Dezirataj celoj de ĉsl. nacio estas proksimaj al celado de esperantistoj, kiuj tial trovas komprenon ĉe ĉsl. popolo. Kroniko de Praha ĝojege notos kiel honorigan kaj belan okazintaĵon dektrian kongreson, kiu kunvenas en renoviĝanta ŝtato en tempo de emocio kaj ĝoja laboro por rekonstruo de ŝtato. Memorindaĵoj de Praha parolos al kongresanoj pri suferoj kaj malĝojoj, sed ankaŭ pri sopira penado de nacio atingi plej altajn celojn de spirita progreso. Kio estas Praha, tio estas verko de longaj jarcentoj kaj de laboro, sed ankaŭ de forto de entuziasmo kaj konstraŭstaro. Praha deziras esti serĉata de nacioj kaj ĝi estas danka, ke esperantistoj proponas al ĝi siajn helpajn manojn. Praha kun kompreno sekvos kongresan agadon kaj deziras, ke tiu ĉi en harmonio atingu plenan sukceson.

Li finis sian parolon per jenaj vortoj en Esperanto:

« Mi tre bedaŭras, ke mi ne scias Esperanton tiom, ke mi povus eldiri mian ĝojon, kiom mi deziras. Vi sentu vin feliĉaj en nia lando kaj kunportu hejmen bonajn impresojn. Vivu la Dektria Esperantista Kongreso!» Tiuj vortoj elvokis bruegan aplaŭdon.

Poste la prezidanto legis la tradician kongreson paroladon kies plenan tekston ni prezentas ĉisube:

Permesu al mi diri al Vi laŭ la kutimo de niaj kongresoj kelkajn pensojn, kiujn mi pensas taŭgaj diri en la nuna solena momento.

Vere tre ŝanĝiĝis la rilato de nia movado al la ekstera t. e. la neesperantista mondo. La memorantoj de la tempoj de la unua kaj antaŭ la unua kongreso rememoru la tiaman tempon. Oni ne malhelpis nian propagandon, oni ne baris vojon al niaj parolantoj, oni ne malhelpadis eliradon de niaj gazetoj, lernolibroj, flugfolioj, sed oni ne atentis nin. Kiu oni? La oficialaj rondoj, kiuj lasis nin nehelpante kaj ne nemalhelpante prediki al neatentemaj oreloj. Kaj estis tiam la plej arda sopiro de propagandistoj esti atentata de la oficialaj aŭtoritatoj. Kaj pripensu nun la hodiaŭan staton. Kiel ŝanĝis la situacion la malmola laboro de 20 jaroj. La protektoro de la 13. kongreso estas laŭ oficiala decido la tuta registaro de la ŝtato, kie la kongreso kunvenas, la gravaj korporacioj de ĉiuj landoj de la plej diversaj tendencoj, de la Unuiĝo de militintoj de Barbusse al la aktoj de la Sankta seĝego donis tute senkaŝajn kaj ne simple teoriajn, sed efektive praktikajn kaj efektive oficialajn aprobojn de nia movado. Rimarkinda nombro de diversaj publikjuraj oficoj studis esperantisman problemon kaj sekve de ilia aprobo rimarkinda nombro de publikaj oficoj enkondukis Esperanton, plej ofte kiel laŭvolan fakon, en unuagradaj kaj duagradaj lernejoj, en diversaj ŝtatoj kaj ne en la plej malgrandaj: eĉ Britujo ne mankas en ilia vico. Kiel ni estus estintaj ĝojantaj pro tiaj sukcesoj antaŭ 15 jaroj. Tute certe la oficiala mondo tute ĉesis malatenti nian movadon. Ni fariĝis socia forto, kies utilon por plibonigo de la homara organizo oni

sentas, kaj kiun oni volonte utiligus. Kredu al mi: baldaŭ ricevados niaj organizacioj multe pli gravajn subvenciojn de siaj registaroj ol ili ricevis ĝis nun. Estis bezona serioza kaj persistema laboro, por veni al tiu rezultato, kaj oni ne povas sufiĉe danki al tiuj, kiuj faris tion. Ĝi nun kreskos rapide ofte jam pro persistemo de la burokrata labormaniero, kiu ankaŭ en la idea movado povas alporti taŭgajn rezultojn. Certe nia movado ne povus vivi sen tiaj oficialaj aproboj.

Sed, estimataj samideanoj, ni tre erarus, se ni pensus, ke ni jam povas haltiĝi, ke ni jam havas rajton ripozi, se la oficialaj aŭtoritatoj ekprenis aŭ ekprenos la zorgon pri la lingvo internacia. Tio estus ja tre granda kaj malutila eraro. Ĉar tia progreso, kiun povas efektivigi ĝenerala enkonduko de la helpa lingvo, ne povas realiĝi alimaniere ol per laboro de la multo, tia progreso povas ekskluzive veni el la malsupro, ne el la supro (aplaŭdo). Tial ĉiuj dekretoj de la registaroj, kvankam ili estas nemankeblaj en sukcesa progresado de nia movado, neniam povos enkonduki ĝeneralan uzadon de Esperanto. La Ligo de nacioj en sia tiujara kunveno traktis pri rezolucio favora al esperanto, kaj ne akceptis ĝin, kvankam proponita de 10 reprezentantoj registaraj. Pli grava fakto estas, ke la rezolucio estis proponita, multe pli malgrava, ke ĝi estis rifuzita: ĉar ne daŭros longe, kaj la rezolucio mem denove prokrastita aŭ ia simila proponita estos akceptita.

Sed memoru, estimataj samideanoj, se, eĉ se la Ligo de nacioj kiom foje ajn decidos je favoro de esperanto, eĉ se ĉiuj registaroj enkondukus ĝin en la lernejojn de diversaj sistemoj, tamen la nia problemo ne estas solvita, tamen esperanto ne fariĝis ankoraŭ la ĝenerale uzata lingvo internacia. Ĉar por veni al nia fina celo, unu estas necesa. La homaro,tio estas la plimulto de homaj individuoj, devas senti bezonon de esperanto.

Du kvalitojn havas la homa animo: en koron kaj en cerbon metas la poetoj ilian sidejojn. Kaj por ke la homo akceptu volonte novan aranĝon socian, du kvalitojn ĝi devas posedi. Unue ĝi devas esti logika, t. e. organizita laŭ la raciaj principoj, respondanta al la racionalisma idealo, kiu deziras al ĉiu kial la rilatan tial. Due ĝi devas esti konforma al la plaĉoj de la homo, ĝi devas kontentigi ĝian guston, ĝian soifon de beleco, idealon de ĝia koro; la bezono de la nova aranĝo devas esti sentata. Ĉar nia poresperanta laboro plenumadis ambaŭ tiujn kondiĉojn de la sukcesota socia reformo, ĝi atingis ĝis nun rimarkinde sian celon.

Kaj kial niaj laborantoj trovis tiel ofte la bonajn vojojn? Ĉar ili sciis anticipi la evoluon de la homa idearo. Ni jam antaŭ la granda milito sentis, kia kaj kiel estas farota por bono de la homaro.

Jes, karaj geamikoj, antaŭ la milito ni estis mokataj, ni estis ridataj, oni kelkafoje rigardis nin kiel duonfrenezulojn. Sed ni iris nian vojon. Ni ne deflankiĝis, ni ne ŝanĝis la direkton, ni ne ŝanĝis la metodojn. Laŭvere ne mankis iom da komiko en nia sintenado. Henri Bergson bone scias difini la komikan elementon. En la fluktado de la antaŭmilita haoso idea, en kiu spritpleneco atakis spritplenecon, noveco de gusto superis la plejnovecon, neordinareco de tekniko forpuŝadis la plineordinarecon, rekordo batis rekordon... kaj doloro pro tro da

intelekto murmuris sian daŭran kaj daŭran plendon en la subkonscio de la animoj, dum tiu glora kaj doloriga epoko antaŭmilita ni staris kvazaŭ senmovaj kaj persiste ripetis la simplan admonon, kiu ŝajnis naiva: akceptu helpan lingvon internacian, por ke vi pli bone komprenu eĉ la malamikojn. Certe ŝajnis komika nia senmova persistemo en epoko, kiu fieris pro ŝanĝado de valoroj.

Sed ni ne ŝajnis homoj de tiu ĉi mondo ankaŭ pro alia kaŭzo. Ni laboris senpage, ni batalis ne atendante la rekompencon en rabado,ni pie atendis la venkon alportontan la saman sukceson al la venkintoj kaj al la venkitoj. Tio estis tre stranga en la epoko, kiu vidis la plej taŭgan rekompencon de kia ajn laboro en la materia pago. — Terure finis tiu antaŭmilita hipokriteco, kiu per la buŝo predikis la plej altajn superempiriajn, supernaturajn kaj superhomarajn idealojn, kaj tamen en sia koro ĝojis je rekompenco per sonantaj moneretoj. Terure katastrofis tiu ĉiu materialisma pensmaniero, kiu kredis, ke ĉiu homa laboro estas rekompencebla per materia rekompenco. Kvar jaroj de la sangoplena mondmilito kaj sekvantaj jaroj de socia malordo kaj klasa batalo estis doloriga rekompenco al troaj amantoj de la materia, al la troaj kredantoj je la faktoj, al la troaj ŝatantoj de la empirio.

Sed la venanta ŝanĝo jam vidiĝas. La homaro eliras el la sorĉa ciklo de materialismo, en kiu ĝi tiel suferis. La ŝanĝo ne estas ankoraŭ finita. Oni ankoraŭ serĉas la efektivan kulpulon de la milito. Oni aperigas dokumentojn dilpomatiajn, ordonojn de generaloj, telegramojn kaj leterojn de ministroj, decidojn de la malpublikaj kunvenoj parlamentaj por fiksi la kulpon aŭ la parton de la kulpo. Vanta laboro, oni ne trovos ĝin, per tia agadmaniero. Ĉar la plej interna kaŭzo, la plej granda kulpulo de la mondkatastrofo estis manko de kredo, ke ekzistas ankaŭ aliaj ol materiaj havoj.

Ni esperantistoj ĉiam tion kredis, ni tion kredis ankoraŭ en la epoko, kiam ekzistis ankoraŭ tro malmultaj tiaj kredantoj kaj estas la plej bela rekompenco de nia persistema kredo, ke post la sensenca milita katastrofo tiel multiĝis la nombro de homoj pensantaj kiel ni, ke ankaŭ la nerealaj valoroj de oferemo, de sindonemo, de nerekompencota laboro havas tre realan signifon por la praktika vivo de homaro. Kaj ke la rondo de homoj tiel kredantaj nun ĉiam grandiĝas kun majesta rapideco. Ni esperantistoj estis la tre grava ĝermo, eble la plej grava elemento inter pioniroj de tiu ĉi nova homaro. (Aplaŭdo).

Pro tio ni jam tiom sukcesis, kaj sole sekvante la samajn metodojn ni atingos la finan sukceson. La sukcesoj ĉe oficialaj aŭtoritatoj estas gravaj kaj bezonaj, sed la senĉesa laborado de homo al homo, la ĉiutaga, neglora, neemocia, podetala laboro estas absolute nemankebla. Vi faris tian laboron dum pli ol tridek jaroj. Vi devas ĝin fari pluajn dekojn da jaroj.

La venkintaj ŝtatoj aranĝis festenojn je honoro de la nekonata batalinto de la mondmilito. Bone ili faris, ĉar estas ofte la sennomaj batalantoj, kiuj alportas la venkon, ne la generaloj, eĉ en la milito. Tiom pli multe en la batalo, kia estas la nia poresperanta batalo.

Ho, nekonata batalanto por plifaciligi la interkompreniĝon de la ho-

maro! Jen mi vidas vin, tie ĉi antaŭ mi sidas vi en la halo, ne estas unu, sed estas pli ol du miloj, kaj multaj miloj da vi vivas kaj laboras en ĉiuj partoj de la mondo. Vi laboras simple pro tio, ke via koro, via amena koro, konvinkis vin, ke estas bezone doni al la homaro praktikan helpilon, por ke ĝi pli facile interkompreniĝu. Vi estas simplaj, sennomaj esperantistoj, la oficialaj institucioj ne funebros post via morto, neniu monumento estos konstruata je via honoro, neniu historiisto citos vian nomon, sed estas vi, kiuj estis ĉe la komenco de la granda verko, kaj estas vi, kiuj estos ĉe la fino, (aplaŭdo) denove sennomaj kaj nevidataj, ĝojantaj pro sentata sed neanoncata venko. La nunaj sukcesoj estas ĉefe via merito, vi laboris ofte laŭ la konsiloj de niaj kondukantoj, vi laboris ofte laŭ via propra instinkto, vi estis ofte obeemaj, ofte vi ne volis obeadi. Sed tre ofte vi laboris bone, ĉar vi laboris kun amo. Vi ne devas ĉesi vian laboron, kaj mi scias, ke vi ne ĉesos ĝin, ĉar ĝi estas bezono de Via koro.

Mi sentis bezonon diri tion al vi, kiuj ĉeestas kaj samtempe al tiuj, kiuj ne povas ĉeesti, kaj danki vin ĉiujn dum tiu ĉi solena okazo, ĉar ankaŭ la fina venko, kiun ni certe atendas, kaj kiu estas certa pro via oferemo, estos ankaŭ, en la plej granda parto, merito de vi, sennomaj kaj sennombraj (aplaŭdego).

Sro Insbrücker, anstataŭante gen. Sebert, prezentas la raporton de la Konstanta Kongresa Komitato.

Poste Dro Privat,vicprezidanto de Universala Esperanto-Asocio, malfermis samtempan VIIan kongreson per ideoriĉa kaj belforma parolado, kiu prave estis entusiasme aŭskultata kaj bruege aplaudata. Li dankas al aranĝantoj de kongreso pro granda laboro kaj esprimas estimon al regno, kie okazos kongreso. Li konstatas, ke tiu ĉi malnova kaj glora ŝtato,kiu en historio ludis noblan rolon,restariĝis per sensanga revolucio kaj rekonstruiĝas kun saĝeco en trankvilo. Herooj de Ĉeĥoslovakoj ne estas generaloj, sed pensuloj kiuj apartenas ne sole al ĉeĥa nacio, sed al tuta mondo, kiel Hus kaj Komensky. En ilia frunto estas belaj talentuloj, respektinda Masaryk kaj modesta Beneŝ, ambaŭ famaj sciencistoj. Ĉeĥoslovakujo estas ekzemplo de trankvila ŝtato kun ŝaga leĝaro, per kiu ĝi sen sangoplenaj bataloj solvis gravajn problemojn naciajn kaj socialajn. Li ne povas deteni impreson, kiun li havis, kiam Ligo de nacioj traktis pri akcepto de Aŭstrujo en ligon kaj pri helpo al Wien. Modesta kaj saĝa, pli saĝa ol aliaj pli maljunaj diplomatoj, ministro Benes leviĝis unua por diri, ke oni devas helpi al Vieno kaj Aŭstrujo. Li komplimentas al Ĉeĥoj, ke ili havas tiajn noblajn homojn. Poste li parolas pri celoj kaj faroj de UEA komparante ĝian laboron en paca tempo al laboro de Ruĝa kruco en milito.

Li parolis pri senco de nova kulturo de homaro super nacioj, kiu kulturo bezonas nian lingvon. Li finis per saluto al Ĉeĥoslovakujo vokante ĉeĥe: At zije Československo! (Vivu Ĉeĥoslovakujo.)

La kongreso decidas sendi telegramon al Prezidanto Masaryk kaj al Dro Beneŝ, ministro pri fremdlandaj aferoj.

La Sekretario legas leteron de Dro Beneŝ tekstantan jene:

Estas neordinara plezuro por mi, ke mi povas tie ĉi saluti internacian

esperantistan kongreson, kiu signifas novan valoran iniciaton sur kampo de spirita proksimiĝo de nacioj. Mi bonvenigas ĝin speciale pro tio, ke en nunajn postmilitajn cirkonstancojn ĝi enportas noblan devizon pri kunlaboro de nacioj. Ideo pri unu interkompreniĝa lingvo, kia estas esperanto, estos valora por ĉiuj sinceraj pacifistoj. Hodiaŭ ĝi ne estas plu utopio, sed problemo, pri kiu laboras inteligentularo de tuta mondo. Estas tre agrable por mi, ke nunjara kongreso okazas en Praha, kaj ke ĝiaj partoprenantoj povas konvinkiĝi, kiel nia ŝtato, en kiu de ĉiam estis viva ideo de pacifismo, estas trapenetrita per varmega sopiro je paca kunlaboro de ĉiuj nacioj de bona volo. Mi esprimas deziron de plena sukceso al ĉiuj kongresaj laboroj. Mi certigas vin, ke ideon pri esperanto mi ĉiuforte subtenados.

Post kvaronhora paŭzo (por aerumi la salonon( la oficialaj delegitoj kiuj ricevis duminutan paroltempon kaj estis senkompate haltigataj per la prezidanta sonorileto, alportis sian saluton al la kongreso.

Sro Schoofs, delegito de la belga ministro de scienco kaj artoj diris jenajn vortojn:

« Je la nomo de la belga Ministro de Sciencoj kaj Artoj mi salutas la Kongreson.

» En mia lando la Esperantistoj povas ĝoji pro la morala subteno, kiun donas al ilia movado la registaraj rondoj. Belgujo estis inter la unuaj landoj, kiuj sendis oficialajn delegitojn al la internaciaj kongresoj de Esperanto; nia unua civitano, la Reĝo Alberto, estis alta protektanto de la sepa Universala Kongreso, kiun ni havis la honoran gastigi en Antverpeno, kaj lastatempe Princo Leopoldo, Duko de Brabanto, akceptis anstataŭi nian formortintan malnovan apoganton Generalon Leman, kiel honoran Prezidanton de nia Belga Ligo Esperantista. Ni ne forgesu ĉi tie citi la gravan rolon luditan de la belga Senatano Henri Lafontaine en la agado por Esperanto ĉe la Ligo de Nacioj.

» Mia nuna delegiteco pruvas la intereson, kiun portas al la Esperanta afero nia ministro de Sciencoj kaj Artoj, je kies nomo mi deziras al la 13a Universala Kongreso de Esperanto plej sukcesplenan laboron.»

Sekvis la aliaj delegitoj oficialaj : Sro Setälä, por fina registaro, Sro Kom. Alessio, por Itala ministro por maraferoj; Sro von Medem, por litova ministro por financoj,komercaj kaj industriaj aferoj; Sro Sevenhuysen, por nederlando ministro por instruo, arto kaj scienco, Dro Boczkouski, por ukrajna misio en Praha, Sro Wiegle, por Jugoslava delegacio. Dro Wicke, por saksa ministro por ekonomio, Dro Dietterle, por Saksa Esperanto - Instituto, Dro Nitobé kaj Sro Fuĵisaŭa por la Ligo de Nacioj.

Dro Nitobé, ĝenerala vicsekretario de la Ligo de Nacioj, salutis la Kongreson per la angla lingvo. Li diris ke la intereso de la Ligo al nia movado estas granda. Esperanto sendube iam estos la lingvo de la Ligo.

La tago venos, kiu vidos la venkon de Esperanto. Li plezure konstatas la multnombrecon de la diversnaciaj delegitoj kaj ĝoje konvinkiĝas,

ke regas unueco inter ili. La unueco helpos al la celo. Li kore dankas pro la afabla akcepto al li rezervita.

Rapide sin sekvantaj salutas la kongreson la delegitoj de la reprezentataj nacioj: Alĝerio, S-ino Tiard; Australio, Sro Hudson; Aŭstrujo, Sro Simon; Belgujo, F-ino Jennen; Brita Imperio, Sro Currie (anglo); Sro Kennedy (skoto); Sro Edwards (kimro), Pastro Parker (irlandano) ; Bulgarujo, Sro Kolev ; Ĉehoslovakujo, Sro Eiselt (Ĉeĥo), Sro Scholze (germano); Danujo, Sro Blicher; Danzig (Libera Urbo), Sro Ketterling; Finnlando kaj Estonujo, Sro Setälä; Francujo Sro Archdeacon; Germanujo, Dro Steche; Hebrea nacio, Sro Heller; Hispanujo, Sro de Allende; Hungarujo, Prelato Giesswein; Italujo, Dr Filippetti; Japanujo, Sro Narita. Jugoslavujo, S-ino Kellet (kroatino), Sro Klajic (serbo); Kanado, Sro Bratley; Litovujo, Sro Klimas; Nederlando, Sro Isbrücker; Norvegujo, Sro Bonnevie; Polujo, Sro Belmont; Rumanujo, Sro Ĉe; Ruslando, Sro Anofrijez; Svedujo, Sro Hedstrom; Svislando, Sro Stettler; Urugvajo, Sro Legrand; Blinduloj, Sro Macan; Frankfurta foiro, Sro Kreuz.

Vespere la kongresanoj denove familie kunvenis sur la insulo Zofin-Lundon okazis la unua laborkunsido de la kongreso, dum kiu Sro Dro Cart, prezidanto de la Esperanta Akademio kaj de la Lingva Komitato parolis pri tiuj du institucioj. Li petis, ke la Esperantistoj respektu la lingvon.

La sekretario legis amason da saluttelegramoj el ĉiuj partoj de la mondo, ekz. el Vladivostock, Tokio, Buenos-Aires, Montevideo, Islando, Nov-Zelando, k. t. p.

Sro Gervois, delegito de la Ligo de Eksmilitintoj legis leteron de la franca verkisto Henri Barbusse.

Sro Page prezentis sian raporton pri la laboro de la komisiono por esplori la organizan demandon. Li diris, ke laŭ li la Ligo Universala realigos la iaman projekton de Dro Zamenhof. Li ne preterlasis priparoli la grandan meriton de generalo Sebert, kiu por nia afero elspezis malavare grandajn sumojn.

La tuta raporto kaj aldonitaj konsideroj, povas esti fine resumitaj ke la ekzistantaj internaciaj organizaĵoj de la Esperantistoj estu kunmetitaj en unu ĝeneralan organizaĵon, kaj ke ĝenerala organizaĵo estu starigita sub la nomo «Universala Ligo Esperantista» kun statuto verkota laŭ jena plano:

«La Ligo konsistos el : 1. Membroj, (a) personaj («Liganoj») kaj (2) Societoj lokaj, naciaj, fakaj k.t.p.; kaj 2. Aprobantoj t.e. neesperantistaj organizaĵoj kaj personoj, kiuj morale kaj finance subtenas Esperanton.

« La Liganoj elektos Komitaton de 6 anoj, kiu fariĝos la Servada Komitato, kiu prizorgos la disvastigadon de la praktika kaj aplika uzado de la lingvo por komercaj, sciencaj, kaj aliaj celoj. Ĝi daŭrigos la laboron kaj sekvos la tradicion de UEA.

« La societoj elektos Komitaton de 6 anoj, kiu fariĝos la Propaganda Komitato, kiu administros la Centran Propagandejon de la Ligo kaj daŭrigos en Parizo la laboron de E.C.O. Ĝi konservos la arhivojn de la esperanta movado kaj la oficialan bibliotekon. Ĝi organizos la pro-

pagandon ĉe registaroj kaj publikaj institucioj, la eldonadon de propagandiloj, kaj la kolekton de informoj kaj statistiko pri la disvastigado de Esperanto.

« La Ĝenerala Komitato de la Ligo konsistos el: 1. la Servada Komitato (6 anoj); 2. la Propaganda Komitato (6 anoj); kaj 3. tri anoj elektitaj de la Universala Kongreso — entute 15 anoj. La Ĝenerala Komitato elektos Prezidanton, du vic-prezidantojn, Ĝeneralan Sekretarion kaj Ĝeneralan Kasiston de la Ligo, kaj fiksos ĝian juran sidejon.

« La Direktanta Komitato konsistos el la prezidanto kaj du vicprezidantoj de la Ligo kaj la prezidantoj de la Propaganda kaj Servada Komitatoj.

« Delegitoj funkciados kiel nunaj delegitoj de UEA. kaj reprezentos la Ligon en sia loko kaj la lokajn liganojn ĉe la Ligo.

« La apartaj reguloj kaj statutoj de ECO., UEA., AK., KKK. kaj IUES. estos forigitaj, sed ili reaperos ŝanĝitaj laŭ bezono en la interna regularo de la komitatoj de la Ligo, konforme al la Statuto.

« La Lingva Komitato kaj Akademio funkciados apud la Ligo laŭ sia ekzistanta regularo tuj reviziota por respondi al la nova situacio kreota de la Ligo, kiu finance subtenos ĝin kaj rajtos iel partopreni en la elekto de novaj anoj.

« La Centra Kaso ricevos monon ne nur de la liganoj kaj societoj kaj aprobantoj, sed ankaŭ de Societo de Amikoj de Esperanto kaj bonvolemaj donacintoj. Ĝi uzos la monon ricevitan, krom por administraj bezonoj, por la subteno de la Lingva Komitato kaj Akademio kaj de la diversaj komitatoj kaj fakoj de la Ligo.

« La Ĝenerala Komitato organizos Universalan Kongreson de Esperantistoj ĉiujare, kun la helpo de loka organiza komitato. La Kongresanoj havos la plenan rajton diskuti kaj esplori ĉiujn demandojn komuninteresajn por ĉiuj Esperantistoj, sed ne alpreni decidojn devigajn, ĉu por izolaj Esperantistoj aŭ por Esperantistaj Societoj, aŭ por la Ligo, sed ili plene rajtos esprimi dezirojn kaj konsilojn. Tiujn deziresprimojn aŭ konsilojn la Direktanta Komitato de la Ligo, kiel eble plej baldaŭ nepre devos submeti por definitiva decido al la Ĝenerala Komitato aŭ al ilia koncernata komitato aŭ, se la afero tuŝas statuton aŭ gravan principon, al la ĝenerala voĉdono de la Ligo. Eventuala profito el kongreso estos dividata en tri egalajn partojn, 1. al la nacia propaganda societo, kiu organizis la kongreson; 2. al la ĝenerala kaso de la Ligo por pagi deficitojn de antaŭaj aŭ estontaj kongresoj; kaj 3. al la Ĝenerala kaso de la Ligo por ĝiaj ĝeneralaj celoj. »

La Kongreso honoris la memoron de la fama samideano Pacifisto Fried, kiu mortis antaŭ kelka tempo, kaj decidis sendi telegramon al la ministroj, kiuj sendis oficialajn delegitojn al la kongreso.

Ĝi ankaŭ aprobis la agadon de la Komitato por starigo de monumento sur la tombo de Dro Zamenhof en Varsovio.

La diskuto pri la propono de Pola Esperantista Societo pri la enskribo de Esperanto kiel instrufako sur la lernejaj programoj, kondukis al la decido, ke la kongreso petos al la Ligo de Nacioj, ke ĝi okupu sin pri tiu afero, kaj al la Ĉeĥoslovaka registaro, ke ĝi turnu sin al la

aliaj registaroj. Estis ankaŭ decidita starigo de internacia komisiono, kiu rilatos pri la temo kun la naciaj societoj.

La saman tagon ankaŭ okazis la unua laborkunsido de UEA. dum kiu Sro Jakob, ĝenerala Sekretario, legis la jarraporton. Oni pritraktis aferojn de interna intereso: jarlibro, gazeto, k.c.

Je la tagmezo la organizantoj de la Komerca Foiro en Praha akceptis en sia oficejo la reprezentantojn de la foiroj de Barcelona, Basel, Frankfurt, Lyon, Padova, Paris, kaj kelkajn esperantistajn gazetistojn.

Je la oka vespere la kongresanoj ĉeestis en la Reprezenta domo («Smetana» halo) superbelegan prezentadon de ĉeĥa muzik — kaj kantarto, korpa eduko kaj naciaj dancoj. Niajn orelojn karesis la harpsonoj de majstro Kliĉka, la karakterizaj kantoj naciaj de F-ino Ŝredlova. Speciale ĝuaj estis por ni la ĉeĥaj popolaj dancoj kaj la gimnastikaj ekzercoj de la «Sokoloj» kaj «Sokolinoj». Bonstilita orkestro de Praha perfekte prezentis al ni muzikaĵojn de Smetana kaj Dvorak.

Certe tiu festo estis la plej bela el ĉiuj, kiujn ni ĉeestis dum la kongreso.

Mardon antaŭtagmeze okazis en la lernejo de Strato Vojtech proksimume tridek fakaj kunsidoj, pri kiuj estas neeble doni raporton: instruistoj, ĵurnalistoj, socialistoj, liberpensuloj, teozofianoj, virinoj, junuloj, ĉastemuloj, studentoj, pacifistoj, sciencistoj, framasonoj, kuracistoj, Ruĝa kruco, Liberiga Stelo, laboristoj, filatelistoj, vegetaranoj, fervojistoj, poŝtoficistoj, juristoj, arkitektistoj, oficistoj, skoltoj, ĵontemplanoj, hebreoj, sportamantoj, ŝakludantoj, inĝenieroj, komercistoj, stenografistoj, psikologoj, eksmilitistoj, ĵlinduloj k.t.p.

Laŭ mia modesta opinio la aranĝo de tiuj fakaj kunvenoj ne estis tiel praktike aranĝita kiel en la antaŭmilitaj kongresoj. Estis efektive preskaŭ neeble ĉeesti pli ol unu el ili ĉar ĉiuj okazis samtempe.

Mi aŭdis ke la fakaj kunsidoj de la komercistoj, instruistoj kaj virinoj kunigis la plej grandan ĉeestantaron.

Okazis ankaŭ diservo en la preĝejo de la krucanoj, kaj kunsido de la katolikoj en la ĉefespiskopa seminario. Tie ankaŭ estis publika propaganda kunveno.

Posttagmeze la kongresanoj estis oficiale akceptataj de la urbestraro en la malnova urbodomo de Praha .La granda salono de la antikva konstruaĵo en kiu oni admiris 2 belegajn pentraĵojn historiajn, estis plenplena je esperantistoj kaj la atmosfero estis tia, ke kelkaj ĉeestantoj tre multe timis, ke la tiea samideanaro îgos «samideanaĵon». Tre konfuze mi aŭdis Esperantajn kaj ĉeĥajn sonojn, kiuj flugis super niaj ŝvitantaj kapoj, kies menso tamen ne estis kapabla ilin kapti kaj enregistrigi. Mi esperas ke oficialaj dokumentoj alportos al ni la tekstojn de la paroladoj.

Poste ni promenis al la kastelo «Hradĉany», kiu majeste staras super la urbo kaj ŝajnas estri ĝin. Ni detale vizitis tiun faman reĝan kastelon el la IX-XVIII j.c. kaj ĝian katedralon. Bedaŭrinde kelkaj salonoj, kaj ne la malplej gravaj, estis tute malordigitaj pro riparaj laboroj, kaj ne donis al ni sian kutiman luksan aspekton.

Je la oka ni ree kunvenis en la «Smetana» halo por ĉeesti la tradi-

cian kostumbalon, dum kiu regis la plej gaja animeco. Ni revidis kun ĝojo la okulĉarmajn naciajn kostumojn, inter kiuj estis evidente plej mulnombraj la ĉeĥaj. Speciala plezuro estis por la kongresanoj la prezentado de la «Beseda» enlanda danco, kiun dancis grupo de moraviaj samideanoj. Mi ne scias, ĉu mi devas insisti pri la plena sukceso de la balo, kiam mi komunikas al miaj legantoj, ke la gedancantoj iom kontraŭvole forlasis la salonon je la apero de du ĝentilaj policanoj de Praha, kiuj rememorigis al ili ke estas jam la 3a matene!

Tiun saman vesperon okazis en Palace Hotel speciala kunveno de la Komitato de UEA. en kiu partoprenis Ministro Beneŝ, Dro Nitobe, Sro Horner, reprezentanto de Ruĝa Kruco, Sro Blumel, reprezentanto de la Internacia Laboroficejo, Sro Warden, S-ino Cense, k.a.

La dua laborkunsido okazis merkredon matene dum kiu la sekretario legis novan kolekton da leteroj kaj telegramoj.

Oni elektis la membrojn de la Komisiono por enkonduko de Esperanto en la lernejojn. Estis proponitaj kaj elektitaj: Dro Czubrzinski (Pollando), Dro Sevenhuysen (Nederlando), Prof. Ad. Finet (Belgujo), Kom. Mangada (Hispanujo), Setälä (Finnlando), Prof. Kamaryt (Ĉeĥoslovakujo), Dro Privat (Svisujo), Dro Schramm (Germanujo). Por la aliaj landoj oni elektos poste.

Okazis tiam diskutado pri la raporto de Sro Page pri la Organiza demando. Inter la parolintoj estis paro, kiu deziris doni pli da graveco, eĉ la plej grandan gravecon, al UEA. en la Internacia organizaĵo fondota, kaj koncentrigi la tutan laboron en la sidloko de tiu societo, dum aliaj deziras konservi la centron de Parizo por la pure Esperantaj, propagandaj kaj lingvaj demandoj, kaj tiun de Genève por la praktikaj servoj.

Fine la kongreso akceptis la raporton de la komisiono kaj aprobis jenan rezolucion:

La Kongreso ricevas la Raporton de la Komisiono, kaj dankas la Komisionanojn pri ilia laboro;

« Aprobas la starigon de Universala Ligo Esperantista laŭ ĝenerala plano de la Raporto;

« Petas la Komisionon:

1. Verki statuton kaj financan planon de tiu Ligo kiel eble plej konforman al tiu plano presigotan en Oficiala Gazeto Esperantista kaj en la gazeto «Esperanto» kaj komunikotan al la Esperantista Gazetaro;

2. Celi la konsenton de la Societo de la Centra Oficejo kaj de UEA., kiuj dumtempe daŭrigu sian laboron, samtempe klopodante por enkorpigi sin en la Ligo, kaj por efektivigi ĝian sukceson, kaj

3. Prezenti raporton al la 14a Kongreso;

« Petas la Lingvan Komitaton tuj revizii sian regularon por respondi al la nova situacio kreota de la Ligo, kaj

« Petas al la kuratoroj de la Kongresa Kaso, ke el eventuala profito el la Kongreso estu pagataj la elspezoj de la Komisiono, kaj se tia profito ne okazu, ke estonta kongreso rezervu parton de sia kotiza enspezo por tiu celo. »

Dum la diskutado envenis Sro Habrman, eksministro por instruo, kiu siatempe permesis la instruadon de Esperanto en la lernejoj de Ĉehoslovakujo. Li salutas la Kongreson kaj certigas ĝin ke li enstonte ne forlasos sian apogon al nia movado, ĉar li opinias, ke Esperanto estas unu el la plej efikaj rimedoj por interproksimigo de la popoloj.

Posttagmeze okazis la dua kunsido de UEA. kiun, eble pro la tro granda varmeco, ĉeestis nur 40 personoj.

Vespere ni ĉeestis la teatran prezentadon en la urba teatro de Vinohrady. Oni ludis komedion «Nokto en Karlstein» de la ĉeha poeto Jaroslaw Vrchlicky. Ne estas nia rolo plimagrandigi la bonvolon kaj kuraĝon de esperantistoj diletantaj-aktoroj, kiuj prenis sur sin la (tro) pezan laboron de teatraj prezentadoj dum niaj kongresoj internaciaj. Sed en la lastaj kongresoj ni tiom kutimis havi la perfektecon en teatra ludado de profesiaj artistoj, ke ni ne plu povas kontentiĝi je amatora laboro. Ŝajnas ankaŭ ke la elekto de la teatraĵo mem ne estis plej feliĉa.Ĉiuokaze la sceneja agado sin prezentis tiel malvigla, ke ĝenerale la intereso de la aŭdantaro ofte forfalis. Ni ne estu tro severaj, sed konfesu, ke la teatra prezentado neniel egalas la antaŭajn.

---

Mi ne havas grandan kuraĝon por rakonti detale la ekskurson, kiun mi partoprenis ĵaudon la 4an de Aŭgusto, al la stalaktita grotaro «Moravia Kras». Mi nur diru, ke tiu grotaro estis lokita je distanco de 200 Km. de Praha, ke ni forveturis matene je la 8a, ke dumvoje, haltante tagmeze en iu stacidomo, la kongresanoj kvazaŭ furiozatakis la bufedon kaj eĉ la kuirejon, ĉar ili nesciis kiam ili atingos la celon de la vojaĝo, kiu devos, laŭ la programo, doni manĝokazon.

Je la 2a posttagmeze ni estis en Blansk, kie bona manĝo atendis nin. La servo de transportado al la grotoj de la 800 partoprenantoj estis vere kaduka, pro nesufiĉeco de aŭtomobiloj. Mi estis inter la lasteforveturitaj kaj atingis la unuan groton je la 8a vespere. Ni sinsekve vizitis la 3 grotojn kaj malgraŭ la malagrablaĵoj de la tago. ĝuis plene la naturajn mirindaĵojn subterajn. Mi ne povas aserti ke la grotaro de Moravia Kras estas pli aŭ malpli bela ol tiu de Han en nia lando. Ŝajnas al mi, ke, ĝenerale, ili estas same interesaj, sed ke laŭ specialaj vidpunktoj ili iom diferencas;ekzemple la Moravia grotaro ne havas tiel grandegajn grotojn kaj ne posedas la tiel impresigan eliron kiel Han, sed aliflanke ĝi havas du specialaĵojn: la imponan abismon de Macoĥa kaj la groton Masaryk, kiu enhavas nenombreblan kvanton da stalaktitoj piptub- aŭ makaroniformaj.

La vizito al la lasta el la tri grotoj finiĝis je la 10a vespere kaj, post reveturado aŭtomobila, ni atingis la stacidomon, el kiu ni forvojaĝis iom post noktmezo. Ne estas eble al mi priskribi tiun teruran revojaĝon al Praha. Mi ne volas paroli pri la malgajaj, kaj lacegaj mienoj de la partoprenantoj, pri ĉiuj rimedoj, kiujn la gesamideanoj eltrovis por igi la vojaĝon iomete komforteta. Mi nur komunikos al vi, ke ĉiu valizreto enhavis almenaŭ unu dormanton. Kaj ni veturis... veturis... mi pensis «ĝis la fino de la mondo», kiam fine ni aŭdis ĝojan ekkrion: Praha!... Estis la 8a matene...

Je la 9a matene Vendredon okazis la ferma kunsido de UEA. en kiu partoprenis 50 personoj. Krom kelkajn aferojn internajn, oni precipe diskutis la aferon pri tutmonda organizo de la Esperantistaro. La ĝenerala spirito reganta en tiu kunveno estis, ke la tutmonda organizaĵo de ĉiuj Esperantistoj en la mondo devus alpreni la titolon de UEA., la sidlokon de UEA. kaj la gazeton de UEA. La Komitato plie esploros la aferon.

Posttagmeze mi ĉeestis la trian laborkunsidon de la kongreso. Estis legata nova amaso da salutoj, inter ili estis unu de S-ro Masaryk prezidanto de la ĉ.sl. republiko. Li telegrafis el Capri: «Mi dankas la enkaj eksterlandajn gekongresanojn pro la salutoj reciproke redirante ilin. Mi deziras sukceson al viaj celadoj servantaj al progresema idealo de internacia organizo.»

La kongreso faris varman ovacion al Dro Cart, kiu kreis la Esperantan movadon inter la blinduloj kaj ĝi akceptis la tujan starigon de Porblindula fondaĵo, por ebligi kaj certigi la eldonadon de la reliefpresita gazeto «Esperanta Ligilo» kaj de Esperantaj gramatikoj kaj libroj. Komisiono por tiu fondaĵo estis elektita kaj konsistas el : S-roj Cart, Percy Merrick, Stejskal, Macan. La ĉeestantaro akceptas la proponon ke, pagante kotizaĵon grupan, abonon ĵurnalan, aŭ farante iun alian poresperantan elspezon, ĉiu esperantisto aldonu iun malgrandan sumon por la blindula fondaĵo. La grupoj, asocioj, kaj gazetaj estraroj kolektos la donacetojn kaj sendos ilin al la kasisto de la komisiono.

S-ino Rackova, blindulino, diris, ke ŝi ĉeestas unuafoje internacian kongreson. Ŝi estas kortuŝita pro la sentoj esprimitaj al la blinduloj de la Esperantistoj. Esperanto estas efektiva fratigilo. La vivo de la blinduloj estas tre malluma ne nur pro tio, ke mankas al ili la lumo de la suno, sed pro tio ke mankas al ili ligilo vera kun la ceteraj «homoj» kaj inter si. «Esperanta Ligilo» estas por ili vera lumo. Esperanto pere de ĝi alportis al ŝi kaj al ŝiaj kunsortanoj la ĝojon, donante al ili la eblon, korespondi, do instrui kaj distri sin. Ŝi do diras al ĉiuj tre koran dankon.

Sro Blumel, delegito de la Internacia Oficejo de la Laboro en Geneve, per franca lingvo salutas la kongreson. Se li ne havis la okazon fari tion je la komenco de la laboroj, li tamen estas ĝoja, ke li povas fari tion nun, ĉar antaŭe li estus dirinta eble ion hazarde, kaj nun li diras sincere, ĉar li vidis. Li anoncas ke la direktanto de la Int. Laboroficejo publikigos en Esperanto la Traktadon pri la laboro.

La proponon pri fondo de eldonaj societoj estas malakceptata ĉar tiaj aferoj havas pure komercan karakteron kaj estas do privataj.

Okazis vigla debato pri la propono de Finnlanda Asocio Esperantista pri unuigo de la gazetoj. Fine, la kongreso konsentas pri tio ke la multnombreco de Esperantaj gazetoj ne estas nepre signo de saneco kaj rekomendas ke la fondontoj de novaj gazetoj zorge esploru, ĉu la projektita gazeto estas necesa kaj bezona.

Vespere la salono estis denove plena por aŭskulti koncerton de blinduloj. Divernaciaj nevidantaj gesamideanoj kantis, ludis fortepianon, violonon, violonĉelon, liuton kaj trompeton. La spektaklo estis ne nur

ĝuinda sed ankaŭ kortuŝa. La varmaj aplaŭdoj de la ĉeestantaro estis plene merititaj.

Kaj nun alvenas la lasta tago de la Kongreso. La ferma kunsido de la XIIIa okazis sabaton je la 9a matene. Sinjoro Horner, delegito de la Internacia Ruĝa Kruco, salutis la kongreson. Sinjoro Krouzil legas rezolucion de la Ĉeĥoslovakaj Inĝenieroj, favoran al Esperanto.

Sinjoro Balkanyi atentigas la Kongreson pri la trouzo en Komercaj rondoj de la vortoj «Zamenhof» kaj «Esperanto».

Post lia konstato, ke ofte junaj esperantistoj kritikas uzatajn vortojn, la prezidanto konsilas ke oni iom pli fidu al la kapableco de la Lingva Komitato.

Sinjoro Th. Cart legas resumon de la raporto de la Lingva Komitato. Tiu raporto baldaŭ aperos. Por la reorganizo de la Lingva Komitato, li petas helpon, ne kritikojn simple, kaj helpon ĉiu povas doni, dum kritiko ne helpas. Li legas la nomojn de la personoj, kiuj jam akceptis kunlabori en la verkado de teknikaj vortaroj.

Sinjoro Medem donas konsilojn pri la elparolado de nia lingvo.

Kaj nun oni ekparolis pri la elekto de la urbo por la XVa Kongreso. Oni citis: Wiesbaden, Danzig, Marseille, Helsinki. Post vigla diskutado oni decidis proponi al la konstanta Komitato de la Kongresoj la urbon Helsinki, kaj oni notis por la jaro 1923a invitojn de Tokio kaj de Varsovio. La polaj esperantistoj esperas, ke la projektita monumento Zamenhof estos preta en 1923a kaj ke tiuokaze ili povos organizi la dekkvinan en sia ĉefurbo.

Sinjoro Privat konstatas, ke dum nia 13a Kongreso regis plena harmonio. La farita laboro estas grava. Li dankas ĉiujn kunlaborintojn lokajn, speciale Sinjorojn Kamaryt, Pitlik kaj Fraulinon Ŝupichova.

Sinjoro Kamaryt esprimas sian ĝojon pri la Kongreso finiĝanta. La miraklo de 40 interparolantaj diversnacianoj renoviĝis en Praha, dank'al Esperanto! Li dankis ĉiujn kongresanojn kaj esperas ke ili estos indulgemaj pro kelkaj mankoj en la organizado, li dankis la tutan Kongresestraron, Sinjorinon Cense, protokolistinon, UEA. kaj havas lastajn afablajn kaj kortuŝajn vortojn por Sinjorino Zamenhof, kiu havis sian parton en la laboro de nia kara mortinto.

Kaj la prezidanto solene fermas la Kongreson.

---

La sukcesplena 13a Kongreso estis! Ĝi tamen elradiis tiom da entuziasmo, ke ĝi certe sufiĉos por varmigi la energion dum la tuta sekvonta jaro, atendante la 14an en Helsinki, kies matenruĝon ni jam rimarkis en Praha. Okazis, ja, tuj post la Kongreso malgranda neoficiala kunveno inter delegitoj de la KKK., la du ĉefaj gvidantoj de la movado en Helsinki, kaj paro da kunorganizintoj de antaŭaj Kongresoj. Tiu kunveneto estis tre fruktodona je konsiloj. Ĝi prezentis ankaŭ specialan intereson por la belgaj Esperantistoj, ĉar dum ĝi oni parolis pri ŝipo forveturonta el Anglujo, vizitonta Antverpenon, kie ĝi akceptos por pluenveturado al Helsinki ĉiujn sudlandajn kongresanojn, kiuj estos kolektiĝontaj en la Skeldurbo, kies esperantistoj tiuokaze estus organizontaj antaŭkongreson!!

Revo? Tute ne, kara leganto! Ĉar la delegito de UEA. en Lyon, kiu organizis sukcesplenan karavanon de Francujo al Praha, jam anoncis vagonaron Lyon-Antverpeno!

---

Ni forlasis Prahan, sabaton vespere kun la karavano de Sinjoro Poncet kunportante plej belan rememoron pri la Kongreso.

Dimanĉon matene ni alvenis en Nürnberg, kie ni estis plej afable akceptataj de la lokaj Esperantistoj, kiuj aranĝis ĉion por ke ni pasigu agrablan tagon en ilia urbo. Proksiman tagon ni alvenis en Frankfurt, veturis al Mainz, de kie ni, per Rhejn-ŝipo, atingis Koblenz. Vespere ni estis en Kolonjo kaj tie, denove, trovis nian helpopretan samideanon Leŭtenanton Van Wanseele. Li zorgis pri ni dum la 3 sekvantaj tagoj, nenion preterlasante por agrabligi al ni la restadon en lia loĝurbo, kies rimarkindaĵojn li kun la plej granda afableco vidigis al ni. Jaŭdon, la 11an de Aŭgusto, ni forlasis lin kaj revenis en Antverpeno la saman tagon vespere.

Kiel rapide forflugas kongresaj tagoj! S. Us.

---

(Multajn notojn por tiu raporto mi prenis el «Prager Presse», «Ĉeĥoslovaka Gazeto», «British Esperantist», «Germana Esperantisto», kaj el notoj de S-ino Cense.)

---

# Post-Kongresa vojaĝo al la Nord-bohemaj Banurboj

Nia vigla pioniro, Sro Schoofs, priparolinte nian tiel memorindan, sukcesplenan 13an en Praha, mi daŭrigos lian interesan raporton, parolante pri la neforgesebla postkongresa vojaĝo al la nordbohemaj banurboj.

Kiun paradizon, kiun pentrindan regionon ni travidis, kaj kiun ĝuon ni travivis! Laŭ Esperanta vidpunkto, bonegan organizadon kaj akcepton tutkoran ni profitis.

La 7an finis do nia grandioza kongreso kaj okazis disiĝo de la 2.500 partoprenantoj, por diversaj postkongresaj vojaĝoj, ĉiuj same ĉarmigaj. Jen la forlaso de la majesta historia Praha, kiu havigis al ni tiom da feliĉaj horoj.

Post kvarhora veturado per rapidvagonaro, ni alvenas en Marienbad (Marianski Lazne), simila je mirinda scenejo de sorĉrakonto! Kiel plumo povus vidigi tian belaĵon! Estas vera bela sonĝo! Ho! iru tien kiam la koro vin doloros, certe vi sentos ĝojon kaj trankvilon de l'animo en tia feliĉejo! ĉio tie ridas, ĉio vin allogas: estas nur parkoj kaj altaj arbarmontoj, el kies floraro kaj foliaro idilie staras brile belaj, blankaj palac - hoteloj! Labirinto de belegaj vojoj, inter bonodoraj pinarboj,

gvidas supren al diversaj promenadceloj. Egerlandan restoracion, veran landmuzeon, kun granda ĝardeno, ni vizitis, kaj de tie,nepriskribeble admirindan pejzaĝon ni ĝuis! Ho, kial do meze de tia naturbeleco, tempo rapide folflugas! Tamen, ni ne plendu: ja novaj vindindaĵoj nin atendas! Ni do ĝoje reenvagoniĝis kaj alvenis en Pilzen (Plzen), famkonata pro ĝiaj bierfabrikejoj: multnombraj Pilsen'aj samideanoj tie salutis nin kaj plenvoĉe resonis «La Espero». Poste, jen la antikva Eger (Cheb), kiu prezentas al ni la apartan bildon de mezepoka urbo, pro siaj tre malnovaj grizaj domoj, kun strangaj, fenestroplenaj ruĝaj tegmentoj, kaj belaj antaŭiĝantaj balkonoj kun tegmenteto. La granda placo estas vere rimarkinda. Tute neregula, ĝi prezentas antikvajn diversarkitekturajn domojn, antikvajn historiajn fontojn kaj la tre malnovan urbdomon, fama pro la dramo de Wallenstein. La malantaŭa parto estas interesa muzeo, kiun ni la morgaŭan tagon vizitis, kaj ankaŭ la ruinoj de la historia kastelo de Frederiko Barbarossa. Sed ni ne forgesu la agrablan Esperantan feston, kiun organizis la Eger'aj samideanoj, kies urbestro bonvenigis nin.

La sekvantan tagon ni alvenis en la mondfama ŝlimbanejo: Franzenbad (Františkova Lazne). Tute gajaspekta ĝi estas, vera ĝardenurbo: nur floroj, parkoj, aleoj, kolonaraj konstruaĵoj kaj palacoj aŭ riĉaj magazenoj! Por ni, gesamideanoj, Franzenbad estas precipe sankta urbo, ĉar tie staras la unua Zamenhofa monumento. La urbestraro, kiu afable akceptis nin kun la Franzensbad'aj geesperantistoj, post respektplena saluto al Sinjorina moŝto Zamenhof, deziris nin agrablan restadon en la bela banurbo kaj akompanis nin al la tiel signifa Esperanta loko.

Tie, kortuŝaj paroladoj estis farataj sur apude speciale lokita katedro kaj poste ni tutemocie kantis la himnon, je la honoro de nia kara Majstro. Post grupfotografiĝo, ni promenadis tra la bela parko, vizitis la ĉarman urbeton kaj ties kuracejojn, ĉeestis artistan koncerton en la arbaro, kune vespermanĝis en la urba festĉambrego kaj forveturis al Carlsbad, kie ni nokte alvenis. La servemaj samideanoj de Carlsbad nin afable akceptis; ili plenumis la malfacilan taskon rezervigi al ni ĉambrojn en la tiom vizitata banurbo. Gvidataj de la lokaj Esperantistoj, ni alvenas, ĉiu en sia luksa hotelo. La vekiĝo estis efektiviĝo de bela sonĝo! Nia hotelo staras sur monto kaj el nia fenestro ni ĝuas belegan vidaĵon de la nekomparebla urbo. Tre plaĉaj kaj pentrindaj estas la elrigardoj sur la altaj apudaj montoj, sur la palacaro lokita laŭterase sur la deklivo,sur la elegantaj turoj en kies mezo brilas la oraj orientoj de l'rusa preĝejo, sur la kurba mallarĝa valo, kie riĉaj magazenoj bordas unuflankon de la belaj stratoj, dum la alia, per florĝardenoj bordas la rivereton Teplo.

De malsupre ankaŭ la pejzaĝo estas mirinda! Ŝtupforme surpreniras la hotelkasteloj, inter la verdaj deklivoj kaj krudaj ĉiuformaj rokoj, kiuj alte superstaras ilin. La kunveno okazas ĉe la fama «Sprudelfonto» kie la Carlsbad'aj gesamideanoj nin atendas. Ni vizitas la elegantajn kolonarajn varmakvajn fontojn, belajn konstruaĵojn, kaj tre interesajn dank'al la Esperantlingvaj klarigoj. Tra la gajaspekta urbo ni supreniras al restoracio «Sans Souci», en kies festĉambrego ni aŭdis

koncerton kaj afablajn paroladojn, eĉ unu ofcialan. Je la 11a okazis por ni agrabla surprizo. La lokaj samideanoj malkrovis nigran marmoran platon, lokitan en la roko, kiu bordas la promenadejon. Jen ĝia surskribo:

«Memoro de la postkongresa vojaĝo okaze de la 13a Esperantista mondkongreso. 9 — 10 aŭgusto 1921». — Supre staras la stelo.

Alia surprizo: post elokventaj paroladoj kaj la himnokantado, ni estis petataj rigardi malantaŭen kaj, el fenestro, sur la alia flanko de la rivero, kiu kuris tutprofunde, fotografisto elklikigis sian aparaton. Amika komuna tagmanĝo okazis en la pentrinde lokita ĝardeno de «Sans Souci» kaj poste ni supreniris la, sur la kontraŭa riverbordo lokitan montaron, kie tronas la «Hotel Imperial», granda palaco, kiun ni vizitis, kaj kie dormĉambro kun tualetejo kostas mil kronojn por unu nokto! De tie ni ĝuis idealan pejzaĝon. Alia monto atendas nin, kie la afabla urbestraro invitis nin por posttagmeza manĝo; senpage, la ŝnurvagonaro nin altigis. De tie ĉi, nova vidindaĵo de la ĉirkaŭaĵo, precipe kiam ni supreniris la panoramturon, kie ni staris meze de la vasta montarlando.

Belega promenado tra dekliva arbaro, nin rekondukis al la urbo, kie, komuna koncertvespermanĝo kunigis nin en la «Kursaal». Ĉio tio prave ravis nin kaj ni sentis varman dankemon por la organizintoj de la senhalte agrablaj horoj, kiujn ni ŝuldas al ili.

La sekvantan tagon la vojaĝo daŭris norden, sed, ĉar Carlsbad estis nesupereble bela, grupeto ne kuraĝis ĝin forlasis, kaj tie restadis. Tion mi ankaŭ entuziasme faris.

Kaj nun jam kuŝas en la estinteco tiuj senzorgaj, sennubaj, ĉiam sunradiaj, nedireble feliĉaj tagoj, kiujn ni de la 28a de julio travivis en ĉiam paca kaj amika Esperantujo! Memoro nia neniam forgesos kion nur povas havigi nia alta ideala movado.

Koran dankon, je l'nomo de la Belga Esperantistaro, al tre estimata Sro Pitlik kaj al liaj kunlaborantoj antaŭ-, dum- post kongresaj!

M. A. JENNEN.

---

LITERATURO:

# Pa Fip (1)

La vivado de Filipo Rusel, honesta kaj laborema masonisto, estis montrinda kiel ekzemplo al la manlaboristaro. Li amis sian hejmon, kie li estis feliĉa kun sia edzino kaj sia filo Paŭlo. Li ŝatis sian lacigan metion, kaj li estis fiera pri sia laboro. Dimanĉe, kiam li promenadis

---

(1) Pa : mallongigo de paĉjo. — Fip : infana elparolo de Flip: mallongigo de Filipo.

kun sia familio tra la stratoj de la urbo, li plezure montris al sia filo la domojn, al kies konstruo li estis partopreninta de sia junaĝo.

Pro sia laboremo, pro sia ŝparemo li estis fariĝinta posedanto de sia domo; kaj, malgraŭ la elspezoj necesigitaj de la instruigo de sia filo, li ĉiujare enskribigis sumeton sur sian ŝparkasan libreton.

Li havis nur du dezirojn: asekuri al sia maljunaĝo bone merititan ripozon, plialtigi sian filon sur la societan ŝtuparon; kaj jen li antaŭvidis la tagon, kiam tiuj ambaŭ deziroj estos plenumitaj.

Efektive, de du aŭ tri jaroj, Paŭlo Rusel, ricevinte sian diplomon de mezinstruiteco ,estis enirinta en oficejon, kaj jam lia salajro estis pli granda ol tiu de lia patro. Tial li estis dirinta:

— Nun, paĉjo, vi ripozos kaj mi sola laboros por nutri la familion.

Plena feliĉo regis do en la domo de Filipo Rusel. Kiam oni estas feliĉa, oni malofte pripensas la malfeliĉaĵojn, kiuj povas okazi ; kaj tio estas bona ĉar la timo al malbona estonto venenus la belajn nunajn tagojn.

* * *

Ian nokton, preskaŭ subite, la morto sin enŝtelis en tiun feliĉan domon, kaj forrabis l'amatan edzinon kaj patrinon.

Kia kruela bato! La koro de Filipo estis kvazaŭ premegita de doloro. Nek la kisoj, nek la promesoj de lia filo povis lin iomete konsoli. En la daŭro de nur kelkaj tagoj, li plimaljuniĝis je dek jaroj; kaj de tiam li senpacience atendis la morton, kiu lin rekunigos kun sia edzino.

Sed li ne estis paginta sian tutan ŝuldon al la sufero.

Unu jaron poste, Paŭlo Rusel edziĝis; kaj enirigante sian junan edzinon en la patran domon, li diris:

— Paĉjo, nun ni ambaŭ vin amos kaj klopodos por rehavigi al vi iom da feliĉo.

Sed baldaŭ Filipo komprenis, ke lia bofilino tute ne amas lin. Dum Paŭlo estis en sia oficejo, ŝi apenaŭ rigardis tiun maljunan laboriston, kaj malŝatis paroli kun li.

Kiam lia ĉagreno fariĝis tro granda, Filipo iris en la tombejon por preĝi kaj plori apud la kruco de sia edzino. Ĉar tie jam kuŝis la plej amitaj estaĵoj, ŝajnis al li, kvazaŭ li estus en sia loĝejo, kaj li sopiris al la tago, kiam li ankaŭ ricevos la lastan ĉirkaŭprenadon de la prapatra tero.

Tamen post kelkaj monatoj, la bofilino iom plidolĉiĝis, kaj li ekesperis, ke ŝi pli bone komprenas sian devon pri la patro de sia edzo.

Ian vesperon, Paŭlo diris al li:

— Paĉjo, mia edzino tre deziras malfermi malgrandan vendejon.Sed por tio ni bezonus pli da mono, kiom da ĝi ni havas ĝis nun. Ĉu vi bonvolus al ni prunti la sumon da kvin mil frankoj...

— Jes! mia filo, jes! Morgaŭ ni ambaŭ iros kune al la poŝtoficejo. Ĉion vi prenos. Ĉion mi donas al vi. Mi jam bezonas nenion... nenion krom ĉerkon.

* * *

Filipo eraris tamen. La ĉielo volis, ke li ankoraŭ ĝuu grandajn ĝojojn kaj reamu la vivon.

Kelkaj monatoj poste, li klinis sin super lulilo, kie kuŝis rozkolora infaneto; kaj amaso da malnovaj rememoroj ekscitis lian maljunan koron. Filipo komprenis, ke tiu fileto de lia fio estas dononta al lia vivo novan celon; kaj de tiu momento li deziris longe vivadi flanke de tiu kara estaĵeto.

Pasis kelkaj monatoj; jam Roberto rekonis siajn gepatrojn kaj sian avon.

Kia feliĉo se, dum la patrino estis en la vendejo, Filipo povis elpreni la infanon el lia lulilo, kaj lin dolĉe premi sur sia koro!

Ĉar Paŭlo pasigis la tutan tagon en sia oficejo, kaj ĉar la patrino estis tre ofte en la vendejo, la bona vizaĝo de l'avo, kun ĝia blanka barbo, estis tiu, kiun la okuloj de Roberto plej ofte vidis; kaj la infanaj lipoj ridete respondis al la karesaj rigardoj de la maljunulo.

Baldaŭ Roberto povis stari sur siaj piedoj; fine iom post iom li komencis marŝi kaj kuri tra la ĉambro.

Tiam komenciĝis la ludoj.

La avo kvarpiede kurante fariĝis jen bojanta hundo, jen piedfrapanta ĉevalo por amuzi sian nepon; kaj ĉiumomente ekridegoj elmontris la ĝojon de l'infano, la feliĉecon de l'maljunulo.

Kiam Roberto komencis elparoli siajn unuajn vortojn, Filipo ploris pro ĝojo aŭdante, ke lia nepo nomis lin: Pa Fip.

— Pa Fip!

Tiujn ambaŭ vortetojn, Roberto tiel ofte ripetis, ke la maljunulo ektimis, ke pro tio la patrino ĵaluziĝos. Sed ŝi estis tiel multokupata je la mastrumado kaj la komerco, ke ŝi estis kontenta, ĉar la tutan tagon l'avo amuzis la infanon.

La pli bela momento de la semajno okazis la dimanĉon posttagmeze. Paŭlo kaj lia edzino ferminte la butikan, eliris por promenadi, viziti amikojn aŭ ĉeesti ian feston; kaj la feliĉa avo estis komisiita zorgi pri la infano.

Tiam la domo pleniĝis je bruo kaj farigis tro malvasta pro iliaj ludoj.

Ofte Roberto diris:

— Nun, Pa Fip, rajdigu min!

Kaj la maljunulo sidiĝinte saltigis sian nepon sur sia genuo, kantante:

Rajdu, rajdu, rajdu
Sur la ĉevalo, sur la ĉevalo,
Rajdu, rajdu, rajdu
Sur la ĉevalo de via paĉjo!

Ĉe la lasta vorto, la «ĉevalo» eksaltis tiel forte, ke la rajdanto subite «elseligita» refalis sur la bruston de l'avo, kiu kovris lin per siaj kisoj, meze de iliaj ridegoj. Kaj tuj rekomenciĝis la rajdado ĝis la momento, kiam Roberto lacigita diris:

— Alian ludon, mi petas, Pa Fip!

Tiam la ambaŭ amikoj sidiĝis je tablo, kaj l'avo, per siaj dikaj fingroj, kutimigitaj je la trulo kaj la brikoj, faldis paperetojn el kiuj li

elfaris «kokojn» kaj «kokidojn» starantajn unuj post la aliaj sur angulaj piedoj.

Sed la ludoj aliiĝis laŭ la aĝo de l'infano. Iom post iom la spirito de Roberto vekiĝis pri novaj aĵoj,kaj la avo kontentigis lian scivolemon per fabeloj, legendoj kaj historietoj.

Li rakontis pri «Sankta Begga» la fondintino de l'urbo; pri ŝia nepo «Karolo-Martelo» mortingita, je la aĝo de dek jaroj, kruelan urson, kiu timegigis la loĝantaron; pri «Bertha» la longpieda reĝino; pri la «kvar filoj Aymon», kiuj rajdante kvarope sian ĉevalon «Bajard»'on kontraŭbatalis la potencan armeon de «Karolo la Granda»; pri ĉiuj aliaj legendoj de la «Meuse».

Dum tiuj rakontoj la infano kvazaŭ detenis sian spiradon; liaj okuloj brilis pro scivolemo, kaj lia imago pliriĉiĝis je neforgeseblaj memoraĵoj.

Sed Filipo, timante tro lacigi lian junan spiriton diris:

— Nun, karuleto mia, vian kapeton apogu kontraŭ mian bruston kaj ekdormu.

— Jes. Pa Fip.

Tiam la bona avo aŭdigis lulkanton dum la kara infano ekdormis sur lia koro.

* * *

Dum tiuj feliĉaj horoj kiom malproksimaj je la penso de Filipo estis la teruraj malĝojoj kiuj lin minacis! Jam Roberto estis sepjara knabeto, kaj alvenis la momento, kiun Dio estis difininta kiel la finon de tiu feliĉo.

Filipo ekmalsaniĝis, ne grave, sed sufiĉe por ke la kuracisto ordonu, ke li restadu en sia lito dum kelkaj tagoj.

Ian matenon, Roberto veninte apud Filipon diris al li:

— Pa Fip, mi estas malĝoja hodiaŭ.

— Kial, karuleto mia?

— Dum tiu ĉi nokto, paĉjo kaj panjo malpaciĝis kaj insultis sin reciproke.

— Ha! Kial?

— Panjo volas, ke vi eniru la malsanulejon, sed paĉjo kaj mi ne volas.

Ha! Ĉu estis necese, ke la malfeliĉa maljunulo ricevu el la senkulpa mano de sia amegata nepo tiun ponardan pikon tra sia koro!

La tutan tagon, li mallaŭtigis siajn ploregojn per sia kapkuseno. Sed dum la sendorma nokto, li neŝanĝeble decidis sin oferi por la kvieteco de sia filo. La morgaŭan tagon li venigis najbaron, kiu estis administranto de la urba maljunulejo kaj petegis ke li tien akceptigu lin.

Tial, du tagojn poste, veturilo haltis antaŭ la domo de Filipo Rusel. Tiu ĉi kisis korege Roberton kiu ploris; kaj ĉirkaŭrigardinte por la lasta fojo la domon en kiu li estis vivinta tri kvaronojn da jarcento, li eniris la veturilon.

Reveninte el la oficejo, Paŭlo trovis malplena la ĉambron de sia patro, kaj malkuraĝe ekploris...

* * *

La koro de la maljuna Filipo estis mortige frapita ne de malsano, sed

de ĉagreno. Kelkajn tagojn poste, li mortis en tiu malsanuleja dormejo, kie li estis rekoninta kelkajn maljunajn laboristojn, kiujn de longe li kredis mortintaj.

Paŭlo Rusel ĉeestis la enterigon de sia patro kun sia filo Roberto. Tiu si vidante la grandan truon, kien oni enigis lian bonan avon, komprenis por la unua fojo, ke la morto estas ĉiama disigo, kaj murmuris dum laŭtege ploris lia patro:

— Kompatinda Pa Fip! Li estis tiel bona!

Elirante el la tombejo, Paŭlo Rusel marŝis tenante sian filon per la mano, kaj mallevante la okulojn pro honto esti forlasinta sian patron. Reirinte hejmen, li sidiĝis ĝemante pro pento; kaj ne dirante unu vorton li ĵetis al sia edzino rigardon plena je riproĉoj. Tiun rigardon Roberto ekvidis kaj komprenis; kaj, apogante sin al sia patro, li diris:

— Paĉjo, kiam mi fariĝos granda, mi neniam edziĝos.

— Kial?

— Por ke mia edzino ne sendu mian patron en la malsanulejon.

Dro A. MELIN.

# Belga Kroniko

ANTVERPENO. — De tri monatoj la grupo «Verda Stelo» obtenis de la urba administracio la permeson por uzi salonon en la infanĝardeno 13, Provinciestraat, 112, por organizi siajn ĉiusemajnajn konversaciajn kunsidojn. De tiu tempo la kunvenoj iĝis pli kaj pli interesaj, kaj nuntempe estas ĉeestataj regule de 40 membroj. Ili okazas ĉiusabate. La 27an de aŭgusto la prezidanto S-ro Fr. Schoofs faris paroladon pri sia vojaĝo al la 13a Kongreso de Praha; la 3an de septembro sama samideano raportis pri la Esperantaj okazintaĵoj dum la 2a internacia dusemajno en Bruselo, kaj la 17an de sept. S-ro A. Swalf legis Esperantan tradukon de la holanda humora verketo «La Amerika Grogo» de J. Van Maurik. La grupo organizis diversajn ekskursojn: la 3a de julio, al Westerloo (kun propaganda parolado); la 7an de aŭg. al Temsche; la 28an de aŭg. al S-ta Nikolao kaj la 18an de sept. al Sta Mariaburg. Ĉiu el la organizitaj ekskursoj havis alian raportanton, respektive S-rojn Van Dessel, Broeckhove, M. Swalf kaj Th. Durieux, kiuj plej humore plenumis sian devon. «La Verda Stelo» organizas 4 ĝeneralajn kursojn (ĉiumarde kaj ĉiuĵaŭde) en la Urba Instruejo, Aleo de Belgujo, 99, kaj unu kurson por estontaj instruistinoj (ĉiusabate). Unu el la membroj de tiu grupo la konata aktoro Jef De Waegenaere komencis la 20an de aŭg. specialan Esperantan kurson por 15 teatraj geartistoj. Nova kurso organizita de la Diamantlaboristoj Esperantistaj kun 50 lernantoj. La Ĝenerala Diamantlaborista Ligo fondis en sia biblioteko Esperantan fakon, kiu jam posedas pli ol 100 verkoj. La «Sindikato de Komercaj kaj Industriaj Oficistinoj» enskribis Esperanton inter la fakoj de siaj profesiaj kursoj por 1921-22.

**La agado por Esperanto de la Centra Lerneja Komitato de Antverpeno ricevis unuan sukceson: la nuna aranĝo de la urbaj vesperkursoj elbigas la organizon de oficialaj kursoj de Esperanto.**

Laŭ nia promeso, ni klopodos por publikigi en nia proksima numero plenajn detalojn pri la energia laboro de tiu lerneja Komitato rilate nian internacian helplingvon.

BRUSELO. — (Vidu paĝon 142: La Internacia dusemajno).

GENTO. — «Esperantista Grupo». Novaj kursoj rekomenciĝos en la Universitato merkredon 19an de Oktobro.

«La Progreso». Lundon, 6an de junio, Sro Hendricx faris tre interesan paroladon pri «Blinduloj», «Skribo Braille por Blinduloj», «Esperanto kaj Blinduloj», «Kion la vidantoj povas fari por la blinduloj».

La parolinto speciale insistis pri la lasta punkto. La legado estas la plej ŝatata okupado de la blinduloj; malfeliĉe, estas tre multekosta presi librojn por ili. Tial fondiĝis en Bruselo societo: «Ligue Braille» kies celo estas formi bibliotekon kie la kompatindaj geblinduloj trovos legaĵojn ĉiuspecajn. Gesamideanoj, kiuj deziras helpi al tiu nobla celo, tuj lernu la alfabeton «Braille», kiu cetere ne estas malfacila, — kaj kopiu interesajn verkojn sendotajn al la «Ligo Braille». Por pliaj informoj sin turni al Sro V. Hendricx, Zalmstraat, 43, Gento.

Dum julio F-ino E. Colyn priparolis la internaciajn kongresojn de Esperanto, kaj rakontis siajn spertojn proprajn dum la sepa en Antverpeno.

Dum aŭgusto Sro M. Somerling, kiu elektis kiel subjekton «Filozofio de Esperanto» klarigis la majstrecon de Esperanto kaj de ĝia Fundamento, bazita sur la principo de neceseco kaj sufiĉeco kaj rifutis kelkajn argumentojn de ŝanĝemuloj.

LEDEBERG. — Dank'al la klopodoj de ĝia prezidanto, Sro Varendonck, la tiea grupo sukcesis starigi du kursojn (unuagradan kaj perfektigan) oficiale subvenciataj de la komunumo. Jam pli ol 90 lernantoj enskribigis sin. La pli multo konsistas el junuloj. Gratulojn al niaj Ledebergaj pioniroj pro tiu bonega rezultato.

MEĤLENO. — Sro A. Baesens, la tiea vigla propagandisto, sukcesis restarigi la grupon la 20an de junio. La 25an de septembro, Sro Fr. Schoofs faris propagandan parolon por la novaj kursoj, kiuj okazos la 11an kaj 13an de oktobro en komunuma lernejo.

ST. NIKOLAO. — «Ekskurso de la grupo al Lokeren». — Rezultato: Sro De Bosschere faros en la loka profesia lernejo kurson de Esperanto deviga por ĉiuj lernantoj.

SPA. — Invititaj de la Esperantista Societo de Spa, 70 gesamideanoj el Liège, Sclessin kaj Verviers vizitis la belan banurbon. Je sia alveno la ekskursantoj estis salutataj per la Esp. himno ludata de la urba orkestro kaj poste vizitis la banejojn kaj la subteran ŝirmkelon de la «Kaiser» en la pentrinda bienaĵo de Neubois. La vizito estis tre interesa kaj la invititoj kore dankas la Spaajn gesamideanojn pro ilia afabla akcepto.

VERVIERS. — La «Esperantista Grupo» kun la gesamideanoj el Liège kaj Spa ekskursis dimanĉon 21—8—21 al la lago de la Gileppe,

vidis ĝian impresegan barmuron kaj poste vizitis la antikvan kaj pentrindan fortikigitan urbeton Limbourg. 95 personoj partoprenis.

F-ino Marie Petit, unu el la plej agemaj membrinoj de la grupo, edziniĝis je Sro Henen, kiu fariĝos ankaŭ Esperantisto. Feliĉon al ambaŭ!

Krom la bonega propagando farita per la regule aperantaj artikoloj en la lokaj ĵurnaloj, la grupo intencas ĝin intensigi por la kursoj organizotaj dum oktobro. Multaj personoj sin interesas je nia afero. Sro Marcel Orval, instruisto, trupestro de skoltoj, ĵus eklernis nian lingvon kaj estos baldaŭ vigla aganto por enkonduki ĝin en la vicojn de la skoltaj knaboj.

WESTERLOO. —Kelkaj membroj de la grupo «Verda Stelo, el Antverpeno ekskursis la 3an de julio al Westerloo, kie ili ricevis bonegan akcepton de S-roj Van Heukelen kaj Sro Dupre. Tiuj du samideanoj organizis malgrandan propagandan paroladeton por kiu ili invitis la pioniron Fr. Schoofs. Ĉi tiu parolis antaŭ dudeko da intelektuloj de la vilaĝo kaj de apudaj lokoj. Niaj propagandistoj tuj faris alvokon por organizota kurso, kiu nun daŭras sub gvidado de Sro Dupré.

H. P.

ESPERANTO - FESTO EN LA BLINDULEJO DE WOLUWE. — La 26an de junio, la agema kaj admirinde sindonema Frato Ludoviko faris festan elmontradon de l'Esperantista vivo, kiun li nelacigeble estigis inter siaj malfeliĉaj lernantoj. «Lumo en mano» estas la devizo de la grupo kaj,dum la festo (No 2 de la programo),estis donata al ĝi belegan Esperantistan flagon. La donanto estas modesta nekonatulo, kiun ni ĉiuj korege dankas. Bedaŭrinde! Malĝojege! la flagon eĉ, la malfeliĉuloj ne povas okule rigardi!! Tio premegas nian koron!

La festo estis kortuŝema! Ĉiuj numeroj de l'programo estis perfekte plenumataj, eĉ ĝoje ! Ni ŝuldas varmajn gratulojn al Frato Ludoviko kaj al liaj lernantoj.

Post la festo, nia tre estimata samideano, ĉiam kompleza kaj vere kompetenta, gvidis nin tra la diversaj klasoj, ne forgesante la specialan klason Esperantan, kie granda kolekto da Esperantaj ĵurnaloj kaj libroj, skribitaj «Braille»-e, estas je l'dispono de la junuloj. Per la helpo de la internacia lingvo, la blinduloj korespondas pri ĉiuj temoj en la tutmondo per reliefa skribado kaj ilia fervoro kaj povo por propagandi estas rimarkindaj. Dank'al Esperanto, la blinduloj povas legi la multnombrajn literaturajn verkojn, tradukitaj el tre diversaj lingvoj aŭ originale verkitaj; ili povas, eĉ en mallumo, konatiĝi kun fremdaj geamikoj kaj tiel forgesi la longan nokton, vidi, per la spiritokuloj, iom en la vastan mondon! Ni helpu ilin! M. J.

# La Belgaj virinoj kaj la virina faka kunveno dum la kongreso de Praha

Post longa parolado, Fraŭlino Jennen sukcesis konvinki pri la grandeco de nia ideo, Sinjorinon J. Brigode, Prezidantino de la Belga Federacio por la voĉdono de l'virinoj kaj Prezidantino de la patriota Unuiĝo de la Belgaj Virinoj.

Jen traduko de letero de S-ino Brigode, kiun legis, dum la virina kunveno, F-ino Jennen:

« Plejkore mi salutas vin, karaj fratinoj de la interligataj nacioj, — asocianoj kaj amikinoj, nun kunigitaj en Praha.

« Al vi mian tutan simpation, por la nobla klopodado kiun vi frate plenumas, kunlaborante kun tiom da bonvolemaj homoj.

« Se la ĉefrololuloj de internacia lingvo sukcesos doti la homaron per tia ilo, ili ne nur estos forigintaj la intelektajn limojn, sed ili estos plenigintaj la abismojn, kiuj disigas la korojn.

Pliproksimigi la naciojn en «komuna amo, en komuna deziro», tia estas, miaj karaj fratinoj, via neesprimebla tasko!

« La pachimno supreniros plej esperplene al la steloj, kiam, por ĝin kanti, ĉiuj popoloj uzas la samajn vortojn. »

(s.) JANE BRIGODE.

# El la Belga Gazetaro.

La plimulto el la gazetoj de nia lando daŭrigas favoran akcepton al la informoj, kiujn nia «Gazetara Servo» al ili sendas. Specialan citon meritas sendube la gazetaron de Verviers: «Le Jour», «Le Courrier du Soir», L'Union Libérale», «Le Travail» kaj «Les Nouvelles de Dolhain», kiuj, krom tio, regule enpresas la komunikojn de la loka Esperantista Grupo.

«Le Travail» plie publikigis tradukon de artikolo de Henri Barbusse, aperinta en la Februara numero de «Esperantista Laboristo».

En «Le Soir», 8—6—1920,ni legis belan artikolon pri la oportuneco de internacia lingvo. La aŭtoro konstatas la nunajn sukcesojn de Esperanto en la ekonomiaj rondoj. «La demando ekzistas». «Ĝi sin lokas inter la realaĵoj eblaj, eĉ facilaj, se ne necesaj». «Ne temas, ne povas temi pri forigo de la naciaj lingvoj». «Ekzistas nun novaj bezonoj, kaj la tutmondaj veraĵoj laŭ rilatoj sciencaj kaj sociaj, la principoj de la ekonomia vivo — la plej gravaj eble — postulas esti dirataj per lingvo esprimebla de ĉiuj».

Al tiuj deklaroj ni kontraŭmetas kelkajn frazojn, kiujn ni trovas en «La Pensée» 29—5—21, sub la titolo: Kunveno de la Ĝenerala Konsilantaro de la Internacia Federacio de Libera Penso: «Hins legas le-

terojn de franca kaj svisa kamaradoj, kiuj forte defendas la necesecon de internacia lingvo. Li kontraŭstaras tiun opinion. Ni havas je nia dispono du admirindajn vivantajn lingvojn: la franca kaj la angla. Ni ĉiuj lernu ilin, kaj ni ne plu bezonos lerni artefaritan lingvon; sciante la francan kaj anglan lingvojn, ni estos civitanoj de la mondo. Li deklaras ke li ne kontraŭstaras la uzon de Esperanto kaj ido en la kongresoj, sed li protestas kontraŭ la pretendo de iuj Esperantistoj, kiuj petas, ke ilia lingvo estu sola uzata. Bazire defendas la helplingvon. Li opinias ke ĝi grandmezure plifaciligas niajn rilatojn internaciajn kaj la tutmondan fratecon. — Terwagne: «Laŭ mia opinio, estus nova kompliko de la lingva demando se oni volus trudi al la liberpensuloj la lernadon de iu helplingvo.» Li samopinias kiel Hins, ke plibone estas studi la vivantajn lingvojn. La propono de Bazire, prezentita de la grupoj, kiujn li reprezentas, konsilanta al ĉiuj liberpensuloj lerni helplingvon, estas malakceptata. La Prezidanto (Terwagne) deklaras, ke li voĉdonis kontraŭ, ĉar li deziras konservi sian liberecon». Poste : «Henne bedaŭras, ke li ne ne ĉeestis matene ,ĉar li estus akceptinta la proponon Bazire pri la helplingvo, de kiu li estas granda amiko».

Ni ne povas ne kapti la okazon por plendi la malamikojn de la helplingvo, pro la fakto, ke ili tiel malmulte scias pri la koncerna demando. Iliaj argumentoj povis eble esti prezentataj antaŭ tridek jaroj. Ĉu vere, nuntempe, ili ankoraŭ valoras respondon. Aliflanke ni tute ne povas imagi al ni, ke la prezidanto deziras konservi sian liberecon en iu demando, voĉdonante kontraŭ ĝi! Mistero!

«L'Exploité», 22—6—1921, enhavas alvokon por restarigo de la Socialista grupo Esperantista en Bruselo.

«De Volksgazet», 20—6—21, publikigas pledon por Esperanto okaze de la vizito en Antverpeno de Sro Jordania el Georgio, kiu parolis al siaj ĉi-tieaj samcelanoj en por li kaj por la aŭdantaro fremda lingvo. La aŭtoro montras Esperanton kiel sola praktika solvo de la internacia interkompreniĝo. Pri unu sola aserto ni tamen ne povas konsenti: ke «Esperanto kondukas al socialismo!» — Esperanto estas uzebla de ĉiu movado aŭ persono, sed ne apartenas speciale al iu ajn el ili.

«De Nethegalm» kun propagandaj artikoloj por nia lingvo. Niaj amikoj Van Heukelen, Westerloo, kaj Dupré, Veerle, laboras!

«Le Mosan» (Andenne) daŭrigas presigon de propagandaj artikoloj. Ĝi represis la paroladojn de la Skabeno Valère Henault kaj de Sro Cogen ĉe nia Xa belga kongreso en Liége. De antaŭ kelkaj semajnoj ĝi ankaŭ komencis publikigon de plena gramatiko de Esperanto, kun ekzercoj. La belgaj Esperantistoj subtenu la kuraĝan kaj progreseman eldoniston de la gazeto.

«Notre Pays» kaj «Ons Land», du ĉiusemajnaj ilustritaj gazetoj publikigis en sia numero de la 3a de septembro tre bonan artikolon pri la 13a Kongreso Esperantista kun 10 belaj fotografaĵoj pri la okazintaĵoj de nia lasta mondfesto kaj pri la urboj Praha kaj Franzensbad. La samideanoj, kiuj deziras posedi memoraĵon pri la kongreso, mendu la gazeton ĉe la redaktejo, rue Sterckx, 9—11, Bruselo, (prezo: fr. 0.40).

# La Progresoj de Esperanto

LA LASTOKAZINTA SKANDINAVA PACKONGRESO decidis interalie peti la Ligon de Nacioj ke ĝi faru enketon pri la ebleco enkonduki mondlingvon, instruotan en ĉiuj lernejoj.

LA UNUAJ OLIMPAJ LUDOJ LABORISTAJ okazos en Helsinki en la jaro 1925a. La organiza kunveno, kiu havis lokon en Praha dum la monato junio 1921a, decidis, ke la internacia lingvo Esperanto estos uzata.

ESPERANTO EN LA LERNEJOJ ĈEĤOSLOVAKAJ. — Per sia dekreto de 27a de marto 1921 la ministro de instruado permesas la laŭvolan instruadon de Esperanto en la ŝtataj duagradaj lernejoj.

LA URBESTRAROJ DE NUERNBERG KAJ DE FUERTH ankaŭ permesis la instruadon nedevigan en la profesiaj pliperfektigaj lernejoj.

LE TEKNIKAJ ŜTATINSTRUEJOJ DE HAMBURG enskribis Esperanton kiel nedevigan fakon sur la programon.

LA KOMERCAJ ĈAMBROJ de Beziers, Grenoble, Calais, St. Omer, Moulin, Lyon, Macon, Reichenberg, Tarare, Beauvais, favore rezoluciis por Esperanto.

LA BRAZILA LIGO ESPERANTISTA obtenis decidon de la Deputat-ĉambro kaj de la Senato laŭ kiu ĝi estas konsiderata kiel publikutila Asocio.

LA FRANCA ASOCIO POR LA AKCELADO DE LA SCIENCOJ altiras la atenton de la sciencaj kaj teknikaj asocioj al la problemo de la lingvo internacia kaj esprimas la deziron, ke konvingiĝinte pri ĝia graveco kaj pri la perfekta taŭgeco de Esperanto por solvi tiun demandon, ili uzu por ĝia realigo la agrimedojn,pri kiuj ili disponas, kaj ke precipe, ili konigu al la publikaj povoj la interesegon,kiu ekzistas por la scienco kaj por Francujo en tio, ke ĝi ne estu prokrastata. — (Kongreso 1921, en Rouen.)

LA TRIA KONGRESO DE TUTMONDA FRATECO (World-Brotherhood) okazinta en Praha decidis «ke la korespondado de ne angle parolantaj landoj kun la ĉefoficejo povas okazi en Esperanto, kaj la kongreso ankaŭ rekomendas la starigon de esperantistaj grupoj en la lokaj grupoj de Tutmonda Frateco en ĉiuj landoj».

LA ASOCIO DE BRAZILAJ INĜENIEROJ voĉdonis la 18an de julio por la apliko de Esperanto en la tekniko.

LA INTERNACIA KONGRESO POR LA DEFENDO DE LA RAJTOJ DE LA POPOLOJ akceptis enskribi en sian regularon, ke la lingvoj oficialaj de la Ligo kaj de ĝiaj universalaj Kongresoj estas la franca kaj la neŭtrala helpa lingvo Esperanto. En la oficiala organo de la Ligo oni konstante raportos pri Esperanto kaj aldonos esperantan resumon al ĉiuj gravaj artikoloj. La Ligo havas specialan «Esperantan Sekretariejon». Post publika parolado de Sro Privat pri la «Justeco en la lingva demando», la kongreso akceptas jenan rezolucion: «La kongreso por la Rajtoj de la Popoloj, konstatante, ke la lingva reĝimo,

nun reganta en la interrilatoj internaciaj, estas malproksime realigi la maksimumon de oportuneco praktika kaj de egaleco por ĉiuj, kio estas forte dezirinda, postulas de la Ligo de Nacioj, ke ĝi rekomendu plej baldaŭ al siaj membroj la laŭgradan enkondukon de Esperanto en siajn publikajn lernejojn, kiel helpan lingvan, kiu faciligas la rektan kontakton inter la popoloj kaj ties kontrolon de la internaciaj rilatoj».

(«Esperanto Triumfonta.)

LASTHORE. TRE GRAVA!

ESPERANTO ĈE LA LIGO DE NACIOJ. — En sia ĝenerala kunsido, 15an de septembro, la Ligo de Nacioj decidis laŭ propono de delegitoj el 13 ŝtatoj, enskribi sur la tagordon de la proksima Kunsido en 1922 la temon pri instruado de Esperanto en publikaj lernejoj kaj komisii la ĝeneralan sekretariaron prepari dumĝise plenan kaj dokumentan raporton pri la tuta afero kaj speciale pri la faktaj spertoj kaj rezultatoj jam atingitaj. («Esperanto».)

La proponintoj atingis nun tion, kion ili ne sukcesis obteni pasintan jaron! Serioze kaj energie ni nun daŭrigu nian klopodadon! Ĉiuj kunagu! Al la Esperantistoj ni vokas: «Laboru, persistu kaj vi venkos»!

# La XIa Belga Kongreso Esperantista

Post interkonsento kun la Estraro de la Belga Ligo Esperantista la grupoj de St. Nikolao (Waas) akceptis la taskon organizi en sia urbo nian 11an belgan kongreson, kiu okazos en 1922a je la Pentekostaj tagoj, la 4—5an de junio.

B. E. regule informos pri la antaŭaranĝoj por tiu proksima festo.

# XIVa Universala Kongreso de Esperanto

HELSINKI (FINNLANDO) — AŬGUSTO 1922.

La Loka Kongresa Komitato estas jam starigita kaj eklaboris.Baldaŭ ĝi dissendos per la Esperantista Gazetaro la aliĝilojn por la Kongreso. La adreso de la L.K.K. estas: ĉe Esperanto-Oficejo, Kasarminkatu, 20, Helsinki (Finnlando).

# Raporto de la Prezidanto de la Lingva Komitato kaj Akademio.

PREZENTITA AL LA XIIIa KONGRESO EN PRAHA.

TRE ESTIMATAJ SAMIDEANOJ.

Mia unua, nia unua devo estas saluti la memoron de Rektoro Boirac, kiu dum multaj jaroj, kun plej granda sindono, kompetenteco kaj aŭtoritato, prezidis la Lingvan Komitaton kaj ĝian Akademion. Lin anstataŭigi ni ne povos, kaj mi nur tro bone komprenas, kiom multe mankas al mi, por lin sekvi, eĉ de malproksime. La eblon mi tamen faros kaj mi esperas, ke vi helpos al mi ne nur per via kritiko, sed ankaŭ per viaj konsiloj kaj per ĝentila, efektiva kunlaborado.

* * *

Permesu, ke unue mi resumu por vi la historion de niaj Lingvaj Institucioj depost julio 1914 kaj ke, poste, mi proponu al via atento kelkajn rimarkojn pri nia nuna kaj estonta agado kaj pri la reorganizo de niaj Lingvaj Institucioj. Tion ĉi tamen mi faros pli plene buŝe en nia Praha Kongreso ol tie ĉi skribe.

* * *

Por la kunvenoj de la «Lingva Komitato» dum la Pariza Kongreso (1914) la Akademio estis preparinta:

1-e Liston de internaciaj radikoj aprobitan de la L.K.

2-e Liston de komune uzataj vortoj aprobitan de la L. K.

El tiuj du listoj konsistis la «Dua Oficiala Aldono» al «Universala Vortaro».

La milito malebligis la eldonon kaj dissendon de tiu ĉi dokumento, kiu povis aperi nur en julio 1919. (1)

Plie la «Sekcio pri la Komuna Vortaro» intencis eldoni la definitivajn korektojn de la eraraj tradukoj en la Universala Vortaro. Granda laboro kiu postulis multajn jarojn ĝis plena interkonsento de la diverslingvaj komitatanoj. Ĉio estis preta por presado.

La Akademio publikigos tiun ĉi liston ĉu aparte, se eble, ĉu kiam ĝi eldonos plenan Radikaron kun tradukoj. (2)

* * *

Tia estis la situacio, kiam eksplodis la mondmilito.

Poste, dum preskaŭ kvin jaroj, neebla estis la facila «internacia» korespondado, nepre necesa por la Akademiaj laboroj.

---

(1) Esperantista Dokumentaro. Kajero trideka: Dua Oficiala Aldono, Esperantista Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, Paris. Prezo 1.50 fr.

(2) La netuŝebleco de l'U.V. restas komprenebla plena kaj ĝin oni ĉiam represos tian, kia ĝi estas. Sed necese estas montri al la naciaj vortaristoj, kiuj uzas la Plenan Oficialan Radikaron, kiel fundamenton de siaj laboroj, la precizan nacilingvan signifon de ĉiu radiko, por eviti erarojn en la Esperanto-naciaj vortaroj.

Aliparte ok Akademianoj devis esti balotataj, nome S-roj Cart, Lengyel, Mybs kaj kvin novaj; du pro la ekŝigo de S-roj Bein kaj Moch, unu pro la morto de S-ro Boirac (okt. 1917) kaj du por du nove kreitaj postenoj.

Dro Mybs, Vic-prezidanto kaj mi kiel Direktoro por la Komuna Vortaro, troviĝis sekve en ne tre facila situacio; ĉu ni ankoraŭ rajtis agi kiel Prezidanto aŭ kiel Direktoro ? Korespondadi ni eĉ ne povis unu kun la alia!

Necese estis do atendi pacience la finon de la milito kaj la eblecon interkonsiliĝi ree kun ĉiuj Akademianoj.

En majo 1919, Sro G. Chavet sendis al ĉiuj Lingva-Komitatanoj cirkuleron pri plilongigo de la povoj de la komitatanoj kaj de la Akademianoj kaj, en oktobro 1919, post aprobo de la unua cirkulero, duan cirkuleron pri la elekto de ok novaj akademianoj.

En majo 1920 okazis la kalkulo de la voĉdonoj: S-roj Cart, Corret, Grosjean-Maupin, Kühnl, Lengyel, Mybs kaj Privat estis elektataj Akademianoj, kaj nun la Akademio, post la eksigo de Sro de Saussure (laŭ art. VII de la Regularo), konsistas el S-roj Cart, Christaller, P. Corret, Evstifejeff, Grabowski, Grosjean-Maupin, Inglada, Kühnl, Lengyel, Mybs, Nylen, Privat, Wackrill kaj Warden.

Tuj post tiu ĉi elekto kiel Direktoro por la Komuna Vortaro, mi demandis la Akademianojn pri ilia opinio koncerne la uzadon de la sufisko -i por landnomoj. Ĉar la plimulto ĝin malaprobis, mi sendis al la gazetoj cirkuleron, esprimante per ĝi la Akademian malaprobon kaj klarigante, kial tiu sufisko estus ankoraŭ teorie malakceptinda, eĉ se ĝi ne estus kontraŭa al la Fundamento.

* * *

En julio 1920, la Akademio elektis:

Prezidanton: Prof. Th. Cart;

Vic-Prezidantojn: S-rojn Mybs kaj Warden;

Direktoron de la laboraj sekcioj:

Gramatiko: S-ron Grabowski;

Komuna Vortaro: S-ron Grosjean-Maupin;

Scienca kaj teknika vortaro: D-ron Corret;

Konkursoj kaj Premioj: S-ron Privat.

En decembro 1920, ĝi sendis al vi «Deklaracion» pri la devoj de l'Esperantistaro kaj de la Lingvaj Institucioj. Ĝin vi certe legis kun atento. Multaj inter vi respondis per varma aprobo. La «Deklaracion» sekvis du cirkuleroj, unu de la Direktoro por la Komuna Vortaro, la alia de la Direktoro por la Teknika Vortaro.

* * *

Jam antaŭe, dum la Haga Kongreso, la tie ĉeestantaj malmultaj L. K-anoj estis esprimintaj la deziron, ke la Akademio ree esploru la demandon pri-i, kiel sufisko por la landnomoj, sed laŭregulan, oficialan petskribon pri tio ne ricevis tiam la Prezidanto.Aliparte, tute malkaŝe mi konfesos, ke — nova kaj eble ne sufiĉe sperta Prezidanto — mi esperis, ke, fine, precipe post la Akademia Deklaracio, la konsilon de

la Akademio rilate al «io» ĉiuj volonte aŭskultos.Sed tio ne okazis, kaj, kvankam mi deziris eviti pri tiu ĉi speciala temo agitadon, kiu ŝajnis al mi vana kaj tempoperda, mi opiniis devo por mi, kiel Prezidanto, defendi kaj defendigi la vidpunkton de la Akademio. Mi do petis de Dro Corret, Direktoro por la Teknika Vortaro, raporton pri-i, kiel sufisko por la landnomoj kaj, samtempe, noton de Sro Grosjean-Maupin, Direktoro por la Komuna vortaro, pri la akuzativo, kiu ŝajnas al kelkaj esperantistoj vera, neutila komplikaĵo. Tiujn dokumentojn ricevis private la L. K-anoj.

Nur du aŭ tri semajnojn poste, la 12 de Junio 1921, mi ricevis petskribon, regule subskribitan de kvin L. K-anoj pri la io-demando. Ĝin mi senprokraste transdonis al la Akademianoj por atenta ekzameno, sed, plilarĝigante la demandon, mi komisiis al Sro Grosjean-Maupin, Direktoro por la Komuna Vortaro, la pezan taskon verki pri tiu ĉi demando, raporton pure objektivan, science metodan kaj pruve plenan, konsiderante ĉiuflanke kaj en ĝia tuteco la malfacilan kaj malsimplan problemon, profitante kaj kompletigante la antaŭajn partajn raportojn jam publikigitajn.

Petskribon pri tiu ĉi sama demando mi ankaŭ ricevis de S-roj Rollet de l'Isle, Prezidanto de la Franca Societo por la propagando de Esperanto, J. M. Warden, Prezidanto de la Brita Esperanta Asocio, A. J. Witteryck, Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista, Dro A. Stecke, Prezidanto de la Germana Esperantista Ligo kaj aliaj. Dezirante, ke finiĝu, kiel eble plej baldaŭ la bedaŭrinda konflikto, ili proponas solvon akceptindan de ambaŭ partioj t.e. la uzon de «lando» (Germanlando k.t.p.), kiu estas tute Fundamenta kaj rajtas esti uzata apud la Fundamenta, regula formo «ujo». Mi respondis:

« Kiel Prezidanto mi tuj rajtas respondi al vi, — ĉar nenia alia respondo estas ebla, — ke la Akademio nur povas konsili al ĉiuj la uzon de la Fundamenta finiĝo «ujo», sed ke, aliparte, ĝi tute ne povas malkonsili la uzon de «lando», kiel sufisko, ĉar tia uzo, kiel vi mem rimarkas, estas plena regula kaj laŭfundamenta. »

Kaj nun mi firme esperas, ke ĉiuj Esperantistoj, komprenante la danĝeron de konfliktoj kaj de nesufiĉe pripensitaj decidoj, konsente kaj propravole restos, ĝis definitiva pravigita solvo de la problemo, simple fidelaj, en la praktiko, al la Fundamento kaj al la Zamenhofa kaj tradicia uzado, **ne enkondukante novan sufikson** kaj profitante la diversajn nun ekzistantajn kaj regule permesitajn rimedojn. — La Akademio celas nur la pacon kaj akordon tute necesajn al la bono de nia komuna afero. Eble ĝia Prezidanto, en tiu ĉi afero, kelkafoje eraris en sia konduto — kaj, se ĉe Prezidanto eraro estas kulpo, kulpa li estas, — sed ĉu ĉiuj alportis al li la necesan, eĉ en kontraŭdiro amikan helpon? Ili de nun alportu ĝin, kaj ili povas esti certaj, ke liaflanke ne mankos la bonvola kaj samideana ĝentileco.

* * *

La sekcio por «Komuna Vortaro» tre bone laboris. Sro Grosjean-Maupin sendis al la L. K.-anoj tre zorge preparitan liston, kiu postulis de li grandan laboron. Ĉar la voĉdonado finiĝos nur la 15 de julio, mi

povas tie ĉi nur anonci la raporton, kiun mi legos en la kunsido de la Lingva Komitato.

Por la «Teknika Vortaro», Dro Corret ankaŭ laboris siaflanke. Lian duan cirkuleron pri la organizo de la laboro en diversaj subkomisionoj mi konigos ankaŭ tie.

De la sekcioj por «Gramatiko» kaj por «Konkursoj» mi ne ricevis raportojn, sed kulpaj ne estas iliaj Direktoroj, ĉar, ricevinte neniun demandon specialan por la Gramatiko (3), ne librojn premiotajn, mi ne petis raportojn de la Direktoroj: se malprave, ili pardonu! Necese estas,, ke en estonteco tio ne plu okazu; en oktobro mi petos de niaj gazetoj, ke ili bonvolu sciigi siajn legantojn, ke la Direktoro por Gramatiko estas ĉiam preta ekzameni gramatikajn demandojn kaj raporti pri ili, kaj ke la Direktoro por Konkursoj, kies kompetenteco en tiu ĉi fako estas granda, zorge tralegos la senditajn rekompencotajn literaturaĵojn.

* * *

Restas lasta demando pri reorganizo de la «Lingvaj Institucioj». Ke ĝi estas necesa, necesega, pri tio neniu povas dubi, via Prezidanto malpli ol kiu ajn. Sed la deziratajn sugestiojn li ne ricevis kaj pro malfeliĉaj cirkonstancoj, post vana atendo, lia alvoko povis aperi nur en la ĵus eldonita kajero de «Oficiala Gazeto». Mi esperas, ke en Praha ni tute ĝentile, tute amike esploros tiun gravan problemon, kaj poste, antaŭ la fino de l'jaro, ni havos sufiĉajn dokumentojn por verki plenan raporton ekzaminotan kaj aprobotan de la Lingva Komitato antaŭ la estonta Kongreso.

* * *

Permesu, karaj gesamideanoj, ke, finante tiun ĉi jam tro longan raporton, — kiu montras, ke, se ni ne tiel multe laboris, kiel mi esperis: rapide fluas la monatoj! ni tamen ne estis maldiligentaj, — mi rediru kun insisteco, ke nia interna unueco estas la ĉefa kondiĉo de nia sukseco. Se tiel energie, tiel obstine ni defendas la pure Zamenhofan lingvon, tio ne estas, ĉar ni opinias ĝin en ĉiuj detaloj la plej bona: ne fanatikeco estas nia fideleco, sed ĉar ni scias, ke nur per tia sintenado ni povas konservi la unuecon ĉu internacian, ĉu interklasan, ĉu interaĝan. El lingva vidpunkto ne ekzistas, ne devas ekzisti inter ni diversnacianoj, diversklasaj homoj, diversaĝuloj: ni ĉiuj estas Esperantistoj, nur Esperantistoj. Ni neniam starigu nacion kontraŭ nacio, klason kontraŭ klaso, aĝon kontraŭ aĝo, sed unuanime, manon en mano, ni laboru por la venko de la kara lingvo, kiun donis al ni nia neforgesebla Majstro, Dro Zamenhof!

Parizo, la 10 de Julio 1921. TH. CART,

Prezidanto de la Lingva Komitato.

---

(3) Escepte pri la akuzativa problemo, kies solvon jam antaŭe studis Sro Grosjean-Maupin kaj pri kiu respondo estis urĝa.

# Diversaj Komunikoj

FRANCA GAZETO DE LEDA INDUSTRIO «LE CUIR» (La Ledo) dezirante enkonduki en ĝian eksportan eldonon: «La Indekso de ledaj industrioj», fakon en Esperanto, petas ĉiujn Esperantistojn interesiĝantajn al la leda komerco aŭ industrio, kiel teknikistoj, komercistoj aŭ oficistoj, sendi ilian adreson kun la indiko de la profesio al Ĉefredaktanto de «Le Cuir», 54, rue de Bondy, Paris (10e).

LA POPOLA BIBLIOTEKO DE ANTVERPENO, kiu enhavas Esperantan Sekcion konigis sian raporton pri la jaro 1920a.Dum tiu jaro ĝi pruntendonis el la ĉefa libraro entute 136121 librojn. Krom tio la legoĉambro estis vizitata de 16283 personoj, kiuj konsultis 16062 verkoj en 19002 volumoj. Estis aĉetitaj dum tiu jaro 4797 verkoj en 5255 volumoj. La ĉefa libraro konsistis je la fino de 1920 el 54866 libroj de 8322 aŭtoroj. La 5 filiaj bibliotekoj en la urbo pruntedonis 183748 librojn kaj posedas entute 19945 volumojn. Specialan admonon ni havas por la Esperantistoj de Antverpeno: Montru vian intereson por nia lingvo, prunteprenante la librojn en Esperanto, kiujn la administracio aĉetis por via uzo!

LA 2a INTERNACIA DUSEMAJNO, kiu okazis de la 20 aŭg. ĝis 5a sept. en Bruselo, enhavis 3 lecionojn pri Esperanto. Sro Gabriel Chavet parolis pri la Eduka Valoro de Esperanto, Sro L. Demarcy konigis precipe la facilecon de nia internacia lingvo, dum Sro M. Muffang prezentis la verkon de Zamenhof kiel daŭrigon de la franca tradicio gramatika. La unua oratoro citis la spertojn faritajn per Esperanto en multaj lernejoj, kaj la lasta klarigis, kiel la reformoj necesaj por atingi helecon kaj logikecon en la strukturo de tradiciaj lingvoj estas neeblaj. Ili estas, male, tre simple kaj mirinde efektivigitaj en Esperanto, kiu dank'al tio estas la helpa lingvo nuntempe postulata de ĉiuj progresemaj homoj. Dum la festmanĝo organizita de la Internacia Federacio de Studentoj estis elparolitaj toastoj en mi ne scias kiom da diversaj lingvoj; Sro Demarcy parolis en Esperanto pri la barilo de la lingva diverseco por homoj laborantaj komuncele, kaj por atentigi la ĉeestantojn pri la bonfaranta rolo, kiun povas ludi nian lingvon tiurilate. Li ankaŭ gratulis kaj dankis S-rojn Paut Otlet kaj H. Lafontaine, la organizintojn de la dusemajno.

VIRINA KONTRAŬMILITA LIGO INTERNACIA lasttempe stariĝis en Paris. Ĝi intencas ĉiel eble batali por rapide ĉesigi la fratmortigajn batalojn. Ĉiuj virinoj dezirantaj interrilati kun la Ligo estas petataj sin turni al S-ino Larivière, 14, rue des Lions, Paris IV. La Ligo uzas Esperanton.

BELGA NACIA OFICEJO DE TURISMO estas fondita ĉe la Ministrejo por fervojoj, maraferoj, poŝto kaj telegrafo. Ĝia celo estas: 1. kunigi kaj meti je la dispono de la publiko ĉiuspecajn informojn pri la turismo; 2. serĉi ĉiujn rimedojn por disvastigi la turismon, kaj fari ĉion necesan por plibonigi la kondiĉojn de transporto, informiĝo kaj

loĝado de la turistoj. Ni petas ĉiujn en- kaj eksterlandajn amikojn, ke ili sendu al la adreso: Office National Belge de Tourisme, Ministère des Chemins de fer, P. et T., Bruselo, ĉiujn Esperantajn presaĵojn pri turismo, gvidlibrojn, gvidfoliojn, vojaĝajn prospektojn. (La aliaj Esperantaj gazetoj estas petataj represi ĉi tiun komunikon).

INGENIEUR-ZEITUNG, Nr 15, Cothen - Anhalt (Germ.) publikigas artikolon kun Esperanta resumo pri la Metaliza procedo de M. U. Schoop, hemiisto en Zürich.

DER WAHRHEIT (LA VERO), organo de la germana Bahai-ligo No 1, Stuttgart, enhavas longan artikolon en Esperanto pri la utileco de Esperanto por la adeptoj de la Bahai-religio.

# Nekrologio

ANTONI GRABOWSKI, inĝeniero, mortis la 3an de julio en Varsovio. Li estis 63 jara. Li estis la plej malnova pioniro por nia lingvo, kaj post Zamenhof mem, unuanime konsiderata kiel la plej delikata poeto kaj stilisto Esperantista. Liaj plej famaj verkoj estas: «Parnaso de Popoloj», «Sinjoro Tadeo», «Mazepa», «Halka», «Libro de Profetoj», «Tagiĝo», k. a. Iama prezidanto de la Pola Esperantista Societo, li ankaŭ estis direktoro de la Gramatika Fako ĉe la Akademio. Grabowski subite mortis sur la strato, dum li rigardis la elmontrejon de la nova Esperanta Oficejo en Varsovio. Faris funebrajn paroladojn sur la tombo de la poeto samideanoj Leo Belmont, Leo Zamenhof, Dro Czubrinski, k.a.

«Belga Esperantisto» kaj la Belga Ligo Esperantista prezentas sian plej sinceran kondolencon al la familio de Grabowski kaj al la Pola Esperantistaro.

LEON VAN PETEGHEM, kiu antaŭ la milito prezidis la Esperantistan Grupon de Mechelen, mortis la 21an de sept. La enterigo okazis la 24an kaj ĉeestis ĝin la refondintoj de citita loka grupo; ili transdonis al la familio la simpation de la belgaj Esperantistoj.

F-ino NATALIO VON SCHENCK, 81 jara propagandistino, kiu eldonis multajn Esperantajn legaĵojn en punktreliefa skribo por blinduloj, mortis en Los Arcos (Meksiko).

# Bibilografio.

«Belga Esperantisto» nur recenzas la verkojn de kiuj oni sendis du ekzemplerojn. Adreso: kleine Beerstraat, 45, Antverpeno.

La legantoj povas ankaŭ mendi la recenzitajn librojn ĉe tiu sama adreso, kunsendante la monon per poŝtmarkoj aŭ prefere por poŝtĉeko (konto Frans Schoofs: No 284.20).

Oni aldonu 10 % por sendelspezoj.

ILONJO BELA de Mihaelo de Vörösmarty; el hungara lingvo tradukis D-ro Eŭgeno Fuchs. Eldonis: «La Hungara Esperantisto», Hajós utca 15, II; Budapest VI. — 8 paĝoj 16 × 10 cm. Prezo: fr. 0.25.

Bela specimeno de hungara poezio.

SOLECAJ ANIMOJ, unuakta gajaĵo tradukita de Oscar Süsmann. Havebla ĉe Paŭlo Balkanyi, Hajós utca 15, II, Budapest VI. — 24 paĝoj 15 1/2 × 11 1/2 cm. — Prezo : fr. 0.30.

Amuza teatraĵeto ludota de 2 aktoroj kaj 2 aktorinoj. Taŭgas por esperantistaj festoj kaj kunvenoj.

SKIZOJ EL MIA PROPAGANDISTA VIVO de A. Marich. Eldonis «La Verda Standardo» IX., Ullöi-ut 57, Budapest. 40 paĝoj 14 × 10 1/2 cm. Prezo: Fr. 0.50.

Kvin agrable verkitaj rakontoj.

LA EKONOMIA UNUECO DE HUNGARUJO verkita de **D-ro Ladislao Buday,** tradukita de Rafaelo Bartal. — 16 paĝoj 23 × 15 cm. — Prezo: Fr. 1.25.

ALVOKO DE LA HUNGARA SCIENCA AKADEMIO AL ĈIUJ AKADEMIOJ DE LA CIVILIZATA MONDO. — 8 paĝoj 27 1/2 × 19. Senpage.

MANIFESTO DE LA «DEFENDA LIGO POR LA TERITORIA UNUECO DE HUNGARLANDO» al la Esperantistoj de la Mondo! 4 paĝoj 22 1/2 × 15 cm. Senpage.

Tiuj tri ĉi supraj eldonaĵoj estas denove tiom da pluaj pratikaj uzoj de Esperanto en la vivo.

Ili estas haveblaj de Paul Balkanyi, Hajos-utca 15, II, Budapest VI.

**GRAMATIKETO POR RUSOJ** de P. Medem. 1920. Mendebla ĉe la aŭtoro: Smelin g-ve 12, Kovno-Litovujo (Kaunas). 48 paĝoj 17 1/2 × 11 1/2 cm. — Prezo nemontrita.

Tre zorge eldonita, belaspekta libreto. La gramatikaj ekzemploj kaj ekzercoj konsistas el frazoj kaj verkaĵoj el la Fundamento aŭ de niaj plej bonaj stilistoj: Zamenhof, Kabe kaj Privat.

LAERBOG FOR BEGYNDERE de P. Zoffmann. Eldonis: Chr. Hansens Boghandel, Kolding. 1918. 64 paĝoj 20 × 13 cm. Prezo nemontrita.

Unua lernolibro de Esperanto por Danoj. Verkisto kaj eldonisto estas gratulindaj pro tiu bela kaj simpla verketo.

VARLDSSPRAKET I KULTURARBETET de Einar Adamson. — Sveda propaganda broŝuro eldonita de Propaganda societo «Esperantovännerne», Ornsksövik. — 32 paĝoj 20 × 14 cm. — Prezo: 35 öre.

FAKA VORTARETO N° 1 (Provizora Eldono). — Terminoj uzataj en fabrikado de Ombreloj. 4 paĝa vortareto eldonita de Brita Literatura kaj Debata Societo, 254 Wightman Road, Londono, N. 8, Anglujo. — Prezo: 2 1/2 pencoj aŭ 1 respondkupono.

FAKA VORTARETO N° 2 (Provizora Eldono). — Terminoj uzataj en la komerco pri Peltoj. 4 paĝa vortareto eldonita de sama societo. Prezo: 2 1/2 pencoj aŭ respondkupono.

Fr. DELGARBO.